**Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswissenschaft**

Internationale Zeitschrift für Modellierung und Mathematisierung in den Humanwissenschaften
*Internacia Revuo por Modeligo kaj Matematikizo en la Homsciencoj*
International Review for Modelling and Application of Mathematics in Humanities
*Revue internationale pour l'application des modèles et de la mathématique en sciences humaines*
Rivista internazionale per la modellizzazione matematica delle scienze umane




HUMANKYBERNETIK

**Inhalt * Enhavo * Contents * Sommaire * Indice**

**Band 57 * Heft 2 * Juni 2016**





**Akademia Libroservo**

Sehr geehrte Leser,
mit diesem Heft möchte ich mich von Ihnen verabschieden, nach fast 25 Jahren Tätigkeit als Redakteurin. Dazu habe ich ein spezielles Thema aus meinem Fachgebiet Interlinguistik gewählt.

Im Rahmen des 101-sten Universalkongresses von Esperanto (23.-30. Juli 2016) findet eine Vortragsserie über *slawische Interlinguistik* statt, um der Kongressstadt Nitra (Slowakei) zu huldigen. (Das Nitraer Herzogtum wurde im 9. Jhd. Teil des Großmährischen Reiches, eines wichtigen historischen und religiösen Zentrums der Slawen.) Sie finden in diesem Heft die Volltexte der relevanten Vorträge.

*Prof. Jouko Lindstedt* analysiert Altkirchenslawisch, eine Sprache, die zum Zweck der Christianisierung in Großmähren eingeführt wurde. Sie verbreitete sich in Europa und gilt bis jetzt als internationale Sprache der orthodoxen Christen.

*Prof. Aleksandr D. Duličenko* gibt einen Überblick über Dutzende von Projekten der panslawischen Sprachen, die dem Altkirchenslawischen von 9. bis 20. Jhd. folgten.

*Mgr. Jan van Steenbergen* ist aktiver Mitarbeiter in einigen Projekten der gegenwärtigen panslawischen Kommunikation, besonders im Internet.

*Prof. Vojtěch Merunka und Prof. Emil Heršak* stellen ihre neuslawische Sprache und deren Anwendungsgebiete, u. a. Maschinenübersetzung, vor.

Ich wünsche Ihnen angenehmes Lesen dieses Heftes und allen folgenden, die unter der Leitung der neuen Redakteure zur klassischen kybernetischen Thematik zurückkehren.

Věra Barandovská-Frank

Estimata legantaro,
per tiu ĉi kajero mi deziras adiaŭi vin post mia preskaŭ 25-jara laboro kiel redaktorino. Tial mi elektis specialan temaron kun rilato al mia fako interlingvistiko.

Enkadre de la 101-a universala kongreso de Esperanto (inter la 23-a kaj 30-a de julio 2016) okazos prelegserio pri *slava interlingvistiko,* por omaĝi la kongresurbon Nitra en Slovakio. (La nitraa princlando iĝis en la 9-a jc. parto de Granda Moravio, grava historia kaj religia centro de Slavoj.) En tiu ĉi kajero vi trovos la tekstojn de la koncernaj prelegoj.

*Prof. Jouko Lindstedt* analizos Slavonon, lingvon enkondukitan en Grandan Moravion cele de kristanigo. Ĝi disvastiĝis tra Eŭropo kaj servas ĝis nun kiel internacia lingvo de ortodoksaj kristanoj.

*Prof. Aleksandr D. Duličenko* superrigardigas dekojn da projektoj de interslavaj lingvoj, kiuj sekvis la tradicion de Slavono ekde la 9-a jc. ĝis la 20-a jc..

*Mgr. Jan van Steenbergen* aktive kunlaboras en la projektoj de nuntempa interslava komunikado, funkciantaj ĉefe en interreto.

*Prof.-oj Vojtěch Merunka kaj Emil Heršak* prezentos sian novslavan lingvon kaj ties uzadkampojn inklude de maŝintradukado.

Mi deziras al vi agrablan legadon de tiu ĉi kajero kaj de ĉiuj sekvaj, kiuj revenos al klasika kibernetika temaro sub la gvido de novaj redaktoroj.

Věra Barandovská-Frank

grkg / Humankybernetik
Band 57 · Heft 2 (2016)
Akademia Libroservo / IfK



Jouko LINDSTEDT

laboras de post 1986 kiel profesoro pri slava filologio en Universitato de Helsinko. Esploris la historion kaj gramatikon de la bulgara, makedona kaj malnov-slavona lingvoj; la Balkanian lingvan areon; kaj Esperanton kiel denaskan lingvon. Membro de la Akademio de Esperanto ekde 1998. Redaktis Hejman vortaron (1999). Estris la esploradon kaj publikigadon (2008) de la Konikova Evangelio, la plej frua evangelia manuskripto en la novmakedona lingvo. Verkas lingvistikan blogon "Lingva tereno" (http://www.lingvatereno.blogspot.fi).

**Ĉu Cirilo kaj Metodio kreis novan lingvon?**

De Jouko LINDSTEDT, Universitato de Helsinko (FI)

Slavono, la eklezia slava lingvo, sonas jam de pli ol 1100 jaroj en la preĝejoj de la slavaj kristanoj-ortodoksanoj, kaj siatempe ĝi havis gravan historian rolon ankaŭ inter la slavoj katolikaj. Dum Mezepoko kaj la unuaj jarcentoj de la Moderna Epoko ĝi kunligis la plimulton de la slavoj kiel intergenta lingvo, kiu ne apartenis al nur unu nacio aŭ regno. Kvankam ĝi origine baziĝis sur certaj slavaj dialektoj de Makedonio, eĉ la plej malnovaj tekstoj konservitaj montras influon de pluraj slavaj idiomoj, kaj reprezentas evoluintan skriban lingvon kun propra alfabeto, abstrakta terminologio kaj malsimplaj sintaksaj rimedoj. Ni konas la kreintojn de Slavono, la sanktajn fratojn Cirilon kaj Metodion. Kiel multe Slavono estis ilia persona kreaĵo, kiel multe ĝi nur spegulis la vivantan slavan lingvon de ilia tempo? Kaj kia estis la sorto de Slavono dum la pli postaj jarcentoj?

*1. La naskiĝo de Slavono*

La fratoj Cirilo (826/827–869) kaj Metodio[1] (?–885), el la urbo Tesaloniko en la Bizanca Imperio[2], kreis Slavonon en la 860-aj jaroj de nia erao.

1 Ankaŭ la formo *Metodo* estas uzata en Esperanto.
2 La vera nomo de tiu regno estis la Roma Imperio, kaj la loĝantoj, ankaŭ Cirilo kaj Metodio, estis nomataj "romanoj". Ĉar la regno ne plu inkluzivis la urbon Romo, la pli postaj historiistoj kutimas nomi la regnon alie: "la Orienta Roma Imperio" aŭ "la Bizanca Imperio".

La historiaj fontoj pri tiuj foraj jarcentoj de la frua Mezepoko estas kompreneble malmultaj kaj mankhavaj, sed feliĉe tiuj pri la du fratoj ŝajnas relative fidindaj, en siaj ĉefaj linioj. La legendoj, aŭ sanktulaj biografioj pri ambaŭ estis verkitaj Slavone baldaŭ post ilia morto, fare de iliaj disĉiploj, kaj kvankam ili rakontas pri multaj mirakloj tipaj por la ĝenro, eblas pli-malpli bone distingi ankaŭ verajn historiajn faktojn. Krome, la agado de Cirilo kaj Metodio estas menciata kaj laŭdata en iuj Latin-lingvaj dokumentoj de la Vatikana arĥivo, kaj kritikata en iuj dokumentoj el la teritorio de la frankoj, kaj tiuj okcidentaj fontoj konfirmas la bazajn faktojn de niaj fontoj Slavonaj.

La legendo pri Cirilo estas nomata "La Vivo de Konstanteno", ĉar preskaŭ ĝis sia morto la sanktulo nomiĝis "Konstanteno la Filozofo". (Do, Cirilo ne vere nomiĝis Cirilo; li ankaŭ ne faris la cirilan alfabeton, kiel ni poste vidos!) Laŭ tiu legendo, en la komenco de la 860aj jaroj, la princo de Moravio, Rastislavo, petis la Bizancan imperiestron Mikaelon la trian sendi al Moravio instruistojn, kiuj scias instrui la kristanajn dogmojn en la slava lingvo. Ĉi tiu epizodo kongruas bone kun tio, kion ni konas pri la historia situacio tiutempa. Moravio[3], kies centro troviĝis en la tereno de la nuna Slovakio, estis la unua sendependa regno fondita kaj regata de slavoj. Ĝi jam akceptis la kristanismon, sed de okcidento, de la regno de Orienta Frankio, kiu ne povis proponi slavlingvajn pastrojn al la nova moravia eklezio. La frankaj pastroj agis en la intereso de la franka reĝo, kiu volis subigi Moravion al sia regado. Bizanco, male, ne estis rekte danĝera al Moravio, ĉar inter la du regnoj troviĝis Bulgario, multgenta kaj ĉefe pagana lando regata de la tjurka popolo de prabulgaroj.

La bizanca imperiestro decidis sendi al Moravio la fratojn Konstantenon la Filozofon kaj Metodion, du klerajn virojn el la urbo Tesaloniko. La legendo pri Metodio igas la imperiestron diri: "Vi ja estas tesalonikanoj, kaj ĉiuj tesalonikanoj parolas puran slavan lingvon." Kvankam la urbo Tesaloniko mem estis verŝajne ĉefe greklingva, kaj ni ne scias pri la denaska(j) lingvo(j) de la du fratoj, la ĉirkaŭa kamparo estis ĉefe slavlingva – kia ĝi fakte restis ankoraŭ dum mil jaroj post tio, ĝis la komenco de la 20a jarcento – kaj oni certe havis multajn okazojn aŭdi la slavan ankaŭ ene de la urbo. En tiu tempo la slava estis ankoraŭ konsiderata unu lingvo, eĉ se kun dialektaj diferencoj, kaj tial la sudslava makedona dialekto ĉirkaŭ Tesaloniko povis esti uzata ankaŭ inter la okcidentaj slavoj de Moravio.

Metodio, la pli aĝa el la du fratoj, jam faris karieron unue en la civila administrado de Bizanco, poste kiel monaĥejestro. Konstanteno la Filozofo estis instruisto en la universitato de la imperia ĉefurbo Konstantinopolo kaj fama pro sia lingvoscio, kiu inkluzivis almenaŭ legan scipovon de la hebrea kaj araba. Li jam partoprenis en du gravaj diplomatiaj misioj de Bizanco, unu al la Abasida (Bagdada) Kaliflando, kiu tiutempe estis forta kaj alte civilizita imperio, kaj alia al la ĥazaroj, kies regno troviĝis inter la Nigra Maro kaj Kaspio.

3 Ofte nomata *Granda Moravio* en historiaj studoj; tamen, la epiteto *granda* estas malofta en mezepokaj fontoj kaj, krome, ĝi verŝajne ne aludas al la forto kaj grandeco de la regno, sed signifas 'la origina' aŭ 'la pli fora', kontraste al aliaj regionoj kies loĝantoj nomiĝis moravianoj (ekzistas du riveroj nomataj Moravo, kaj ĉe ambaŭ loĝis slavoj).

Akceptinte la komision de la imperiestro, Konstanteno tuj komencis traduki sanktajn kristanajn teksojn en la slavan, uzante novan alfabeton, la glagolicon, kiu ne similis al iu ajn alfabeto ekzistanta. Laŭ la legendo, Konstanteno kreis la glagolicon danke al dia revelacio, sed ni devas supozi, ke li laboris pri ĝi jam de pli longa tempo. Krome, la tradukado de la sanktaj tekstoj necesigis la kreadon de multaj terminoj kaj sintaksaj turnoj, kiuj ne ekzistis en la parolata slava idiomo, kaj ankaŭ tio postulis tempon. Konjekteblas, ke Konstanteno kaj Metodio laboris pri la nova skribolingvo jam antaŭ ol la peto de la moravia princo atingis Bizancon, sed ni ne scias, por kiu celo.

La revolucio trajto de la nova skribolingvo slava estis, ke ĝi servis ne nur kiel misiista lingvo, uzata por prediki kaj por konverti slavojn al la kristanismo – efektive, la slavoj de Bizanco kaj Moravio jam estis kristanoj – sed ankaŭ kiel liturgia lingvo, uzata eĉ en la plej sanktaj partoj de la diservo. La oficiala politiko de Bizanco ne celis krei novajn nacilingvajn ekleziojn en la proksimaj regionoj de Balkanio. Tial ni devas supozi, ke Konstanteno kaj Metodio havis ankaŭ personan intereson pri la slava lingvo, kiun ili konis de la multlingva medio de sia infaneco en Tesaloniko, kaj ne nur volis agi por la ŝtataj interesoj de Bizanco. Ni vidos, ke tiu ilia propra interesiĝo montriĝos ankaŭ en pli postaj fazoj de ilia agado.

La fratoj alvenis al Moravio en la 863a jaro. Inter la lokaj slavoj ili elektis por si disĉiplojn, al kiuj ili instruis la glagolicon kaj kun kiuj ili daŭrigis la tradukadon de la sanktaj tekstoj kaj komencis krei slavlingvan eklezian organizon. Tamen, jam la sekvan jaron la moravia princo Rastislavo malgajnis batalojn kontraŭ la frankoj kaj la prabulgaroj, kaj kvankam li ne estis detronigita, li devis permesi al frankaj pastroj el Bavario daŭrigi sian agadon en lia regno. Baldaŭ evidentiĝis, ke sen ekstera subteno ne eblis daŭrigi la laboron por la slava liturgia lingvo. Tial, ĉirkaŭ la jaro 866, Cirilo kaj Metodio ekvojaĝis al Romo kun kelkaj siaj disĉiploj, kun la espero ke la roma papo konsekros tiujn kiel pastrojn.

Ĉar ni kutimiĝis al la granda disdivido de la eŭropa kristanismo en la katolikan okcidenton kaj la ortodoksan orienton, la decido de Konstanteno kaj Metodio peti la subtenon de la papo povas surprizi. Tamen, la oficiala divido de la universala eklezio okazis multe pli poste, en 1054. En la administra strukturo de la eklezio estis klare, ke Moravio estas sub la jurisdikcio de la roma partriarko, la papo, ne sub tiu de la konstantinopola patriarko. Oni povas supozi, ke tio estis eĉ la kaŭzo pro kiu Bizanco povis subteni la agadon de la fratoj por slavlingva liturgia lingvo: se Moravio estus ene de la bizanca sfero de intereso, la bizanca imperiestro certe klopodus disvastigi tie la grekan lingvon; sed por simple formi aliancon kun la fora Moravio, jam forte ligita kun la franka sfero, eĉ la uzo de la slava, kiun la moravia princo mem petis, povis utili.

Survoje al Romo, la fratoj restadis kelkan tempon ĉe la princo de la slavoj de Panonio, en la nuna Hungario (la hungaroj alvenis tien nur pli poste, en la fino de la 9a jarcento), kaj instruis sian skribolingvon ankaŭ tie. Laŭ la legendo, poste en Venecio ili devis en publika debato defendi sian lingvon kontraŭ pastroj, kiuj konsideris nur tri lingvojn, la hebrean, grekan kaj latinan, indaj por la plej sanktaj tekstoj de la kristanismo. La legendo igas Konstantenon elokvente defendi la egalecon de ĉiuj lingvoj per jenaj vortoj:

*Ĉu la pluvo ne venas de Dio egale al ĉiuj, ĉu ankaŭ la suno ne brilas por ĉiuj, kaj ĉu ni ne ĉiuj spiras la saman aeron? Ĉu vi ne hontas, aprobante nur tri lingvojn kaj ordonante ĉiujn aliajn naciojn*[4] *kaj gentojn resti blindaj kaj surdaj? Diru al mi, ĉu vi rigardas la Dion tiel malforta, ke li ne kapablas doni al ĉiuj la samajn rajtojn, aŭ tiel envia, ke li ne volas?*

Poste Konstanteno listigas plurajn orientajn ekleziojn, kiuj uzas sian propran lingvon, kaj tiel montras siajn filologiajn sciojn. Efektive, kiel konvinke argumentis la slavistino kaj esperantistino Nicolina Trunte (Trunte 1997), la kono de la armena lingvo, kies propra alfabeto estis kreita de Mesrop Maŝtoc ĉirkaŭ la jaro 405, estis certe unu el la inspiroj de Konstanteno. En la ĉi-supra defendo de la egaleco de ĉiuj lingvoj, montriĝas ankaŭ liaj konoj pri la kristanaj evangelioj, pri ties interpreto fare de apostolo Paŭlo, kaj pri la filozofiaj argumentoj ĉirkaŭ la bono, malbono kaj la ĉiopovo de la Dio (la tiel nomata teodicea problemo).

En nuntempaj popularaj verkoj, la agado de Konstanteno la Filozofo kaj Metodio estas ofte prezentata kiel defendo de la "orienta multlingvismo" kontraŭ la "trilingva herezo de la okcidento". Sed temas pri iluzio, kiun kaŭzas la simpla fakto, ke nur la jurisdikcio de la roma patriarko (la papo) estas nomata "okcidenta", dum la aliaj tradiciaj ekleziaj organizoj (ne nur la bizanca, sed ankaŭ ekzemple la siria, armena, kartvela) estas nomataj "orientaj". Se la okcidento kaj la oriento estas difinataj tiel ĉi, la oriento aŭtomate fariĝas "plurlingva", kvankam ĉiu el la orientaj eklezioj estus interne ĝuste tiom unulingva kiel la unusola okcidenta. Krome, la trilingvismo ne havis en la okcidento la statuson de dogmo, sed estis nur argumento de iuj teologoj, sekve ĝi ankaŭ ne povis esti religia "herezo" (Thomson 1992).

La vizito al Romo estis sukcesa. La papo Hadriano la dua aprobis la agadon por slava liturgia lingvo, ordonis organizi slavlingvan diservon (meson) en unu el la ĉefaj preĝejoj de Romo, kaj konsekris iujn disĉiplojn de la du fratoj kiel pastrojn. Pri la pozitiva sinteno de la papa administracio ni posedas ankaŭ Latin-lingvajn fontojn. Sed baldaŭ Konstanteno fatale malsaniĝis kaj mortis en 869, en la aĝo de 42 jaroj. Sur sia mortolito li monaĥiĝis kaj alprenis la nomon Cirilo, per kiu la postaj generacioj lin konas. Lia tombo estas en la Baziliko de Sankta Klemento en Romo, ĉar, laŭ la legendo, ĝuste li alportis tien la relikvojn de la Sankta Klemento, mirakle retrovitajn de li dum la pli frua misio al la ĥazaroj. (En Moravio la fratoj do, por tiel diri, havis ostojn en sia valizo…)

Metodio estis resendita inter la slavojn kiel episkopo konsekrita de la papo, kun diocezo inkluzivanta Moravion, Panonion kaj partojn de la nuna Serbio. Lia agado por la slava liturgio estis tamen malfacila, precipe post kiam Rastislavo estis anstataŭigita de Svatopluko kiel la princo de Moravio. La episkopoj de la proksimaj frankaj diocezoj uzis eĉ sian privatajn armeetojn por malhelpi al Metodio, kaj fine ili malliberigis kaj turmentis lin; nur papa interveno savis lin. Ankoraŭ en la 880a jaro la tiama papo (Johano la oka) sendis al Svatopluko buleon (papan dekreton) permesantan la uzon de la slava liturgia lingvo; sed aliflanke li ankaŭ elektis kiel vic-episkopon, rezidantan en Nitro, germanon Wiching, kiu estis konata kiel kontraŭulo de la slava liturgio. Post la

4 Aŭ: lingvojn. Slavono uzas la saman vorton por 'lingvo' kaj 'nacio', kion ne eblas redoni en la traduko.

morto de Metodio en 885, Wiching fariĝis lia posteulo kiel episkopo, kaj la disĉiploj de Metodio estis perforte forpelitaj de Moravio.

La disĉiploj disiris en plurajn slavajn landojn, sed la plimulto de ili trovis rifuĝejon en Bulgario, kiu akceptis la kristanismon jam pli frue, baldaŭ post la komenco de la moravia misio de Cirilo kaj Metodio, kvankam sendepende de ĝi. La caro de Bulgario povis utiligi la novan slavan skribolingvon por sendependigi la bulgaran eklezion disde tiu bizanca. La prabulgara elito de la bulgara regno estis tjurklingva, sed parte danke al la prestiĝo de la nova skribolingvo ĝi rapide slaviĝis. En la bulgara regno ekestis du gravaj literaturaj centroj, unu en Oĥrido, Makedonio, alia en Preslavo, la ĉefurbo de la regno en nordorienta Bulgario.

La oĥrida centro konservis pli longe la glagolican tradicion de Cirilo kaj Metodio, sed en Preslavo oni inventis novan alfabeton, kiun ni nuntempe konas kiel la cirilan. Ĝi baziĝis sur la tiutempa greka alfabeto, al kiu oni aldonis novajn literojn por marki slavajn fonemojn nekonatajn en la greka. Tiujn literojn oni transprenis, kun grafika refasonado, el la glagolico. La cirila alfabeto do baziĝas sur la lingvistika analizo farita de Konstanteno-Cirilo, kvankam ĝi naskiĝis nur post lia morto, en la fino de la 9a jarcento.

La lingvo de Cirilo kaj Metodio estis dum jarcentoj nomata simple “la slava lingvo”, sed por distingi ĝin unuflanke disde la praslava lingvo (la “patrino” de ĉiuj slavaj lingvoj) kaj aliflanke disde la modernaj slavaj lingvoj, kiel ekzemple la slovaka, rusa, bulgara, pola kaj pluraj aliaj, en Esperanto estas uzata la nomo Slavono. La plej malnova fazo de Slavono, proksimume ĝis la fino de la 11a jarcento, estas nomata “la malnova Slavono”, sed en aliaj lingvoj ĝi havas malsamajn nomojn, ekzemple “la malnova slava”, “la malnova eklezia slava”, aŭ “la malnova bulgara”. Post la dekunua jarcento Slavono, kvankam ĝi plu estis konsiderata unu lingvo, disiĝis en diverslandajn variaĵojn, el kiuj la rusa Slavono iom post iom fariĝis la plej grava kaj uzata de ĉiuj ortodoksaj slavoj.

*2. Cirilo kaj Metodio kiel lingvoplanantoj*

Bedaŭrinde ne konserviĝis por ni manuskriptoj de la tempo de Cirilo kaj Metodio, de la 9a jarcento. La unua parto de la malgranda glagolica manuskripto nomata *Kievaj Folioj* devenas de la 10a jarcento – malgraŭ sia nuna nomo ne el Ukrainio, sed el la okcident-slava teritorio, eble el Panonio. Ĝiaj okcident-slavaj trajtoj povas reflekti la moravian fazon en la laboro de Cirilo kaj Metodio, sed ne atestas multon pri ilia origina tesalonika dialekto. Krome, iuj pli ampleksaj glagolicaj evangeliaj manuskriptoj, almenaŭ la *Zografa Kodekso,* la *Maria Kodekso* kaj la *Asemania Kodekso,* devenas de la fino de la 10a aŭ komenco de la 11a jarcento, el la makedona parto de la bulgara regno, kaj pluportas la heredaĵon de la disĉiploj de Cirilo kaj Metodio, laborintaj en Oĥrido.

Eĉ tiuj plej malnovaj tekstoj prezentas al ni pretan skribolingvon, kun unika alfabeto ne uzita en iu ajn alia lingvo, kun abstrakta leksiko sufiĉa por peri eĉ malfacilajn dogmojn kristanajn, kaj kun malsimpla sintakso, kiu kelkfoje faras la interpreton de la frazoj malfacila eĉ por tia nuntempa leganto, kiu flue parolas iun

modernan slavan lingvon. Evidente tia lingvaĵo ne povis senpere baziĝi sur iu ajn parolata slava idiomo. Ĉu tio signifas, ke Cirilo kaj Metodio kreis por la slavoj kvazaŭ novan lingvon?

Ni komencu per la plej videbla parto de la nova lingvo, la alfabeto. La glagolico ne devenas de iu ajn alia alfabeto. En iuj ĝiaj detaloj ĝi montras influon de la greka alfabeto (kaj kiel argumentas Trunte, ankaŭ de la armena), kaj kelkaj literoj ĝiaj estas klare fasonitaj laŭ la respondaj literoj en iuj aliaj alfabetoj konataj de Cirilo, sed ĝenerale ĝi estas lia tute nova kreaĵo. Sed estus erare prijuĝi ĉi tiun fakton el la nuntempa vidpunkto. Ni kutimiĝis al tio, ke alfabetoj estas adapteblaj al ĉiam novaj lingvoj; la latina kaj cirila alfabetoj ne estas asociitaj kun iuj specifaj lingvoj (eĉ se iuj pro nescio nomas "rusaj literoj" la cirilan alfabeton, kreitan en Bulgario kaj uzatan en multaj lingvoj). Sed en la tempo de Cirilo kaj Metodio la latina alfabeto estis uzata por skribi nur Latinon, la greka alfabeto por skribi nur la grekan, kaj same havis siajn proprajn skribosistemojn ekzemple la armena, la kartvela, la hebrea, la araba. Havi norman skribolingvon nepre signifis posedi ankaŭ propran, sendependan skribosistemon. Tial oni ne bezonas demandi, kial Cirilo kreis por la slava novan alfabeton; li ne povis *ne* krei tian, ĉar lia celo estis krei novan plenrajtan skribolingvon.

Efektive, Cirilo celis altigi la prestiĝon de la nova skribolingvo ankaŭ uzante kristanajn simbolojn kiel konsistigajn partojn de la literoj. Kiel rimarkigis la finna slavisto Georg Tschernochvostoff (1995 [1947]), multaj glagolicaj literoj entenas la kristanajn simbolojn kruco, triangulo kaj cirklo, kaj pluraj literoj estas intence fasonitaj tiel, ke certaj ŝlosilaj vortoj de la kristanismo ricevu harmonian aspekton. Ekzemple la litero por la sono /i/ aspektas kiel la litero por la sono /s/ renversita, por kio estas malfacile vidi ian fonetikan motivon. La afero fariĝas komprenebla se oni scias, ke la nomo de Jesuo estas en Slavono kutime mallongigita *is.* Same, *i* kaj *s* estas la literoj per kiuj komenciĝas la unua teksto tradukita de Cirilo, la prologo de la Evangelio laŭ Johano, kies Slavona traduko komenciĝas *iskoni bě slovo* ("en la komenco estis la Vorto").[5]

Ke oni devis krei novajn vortojn por traduki sanktajn kristanajn tekstojn en la slavan, estas konata fenomeno en ĉiuj novaj skribolingvoj, en kiujn estas tradukataj tekstoj de aliaj skribolingvoj kun pli longa tradicio. Ankaŭ la rimedoj, kiujn la du fratoj kun siaj disĉiploj uzis, estas ĝenerale konataj en tiaj kazoj. Oni povas pruntepreni vorton: la greka *evangélion* 'bona sciigo; evangelio' estis pruntita kiel *evang'elie.* Oni povas fari kalkeon, tio estas, traduki la vorton laŭ siaj partoj, kaj tiam *evangélion* fariĝis *blagověštenije,* laŭvorte "bon-sciigo"; ankaŭ en aliaj vortoj la greka prefikso *eu-/ev-* 'bona' (komparu ankaŭ en Esperanto *eŭfemismo, eŭforio* kaj multajn aliajn) estas regule tradukata per la slava *blago-*. Kaj trie, oni povas doni novajn signifojn al la vortoj jam

5 Ĉi tiu klarigo, kiun Georg Tschernochvostoff unue prezentis en sia magistra verko en la 1947a jaro, estas kelkfoje nomata "la finna teorio pri la glagolico", kaj ĉar Tschernochvostoff mortis jam en 1956, li estas priskribata en studoj aperintaj ekster Finnlando kiel "finna slavisto mortinta juna". Efektive, Tschernochvostoff naskiĝis en 1888, do li ne estis aparte juna ĉe sia morto – li komencis studi slavistikon nur post negoca kariero en privata kompanio. Cetere, li estis ankaŭ esperantisto, menciita en *Enciklopedio de Esperanto* en la artikolo "Finnlando".

ekzistantaj, ekzemple *duhŭ* ‘blovo, spiro’ > ‘spirito’; *grěhŭ* ‘varmego’ > ‘peko’[6]; *nedělja* ‘ne-laborado, laborpaŭzo’ > ‘dimanĉo’. Eblas supozi, ke parto de la kristanaj terminoj, precipe tiuj en la tria grupo, ekzistis jam antaŭ la agado de Cirilo kaj Metodio: endas memori, ke al Moravio la fratoj ne venis kiel misiistoj por konverti la popolon al la kristanismo, ĉar la lando jam estis kristana. Eĉ la frankaj pastroj devis uzi la parolatan lingvon por instrui pri la bazaj ideoj de la nova religio (Trunte 2003: 235).

Cirilo kaj Metodio estis kompetentaj lingvoplanantoj, kaj ili kreis multajn novajn vortojn, kiuj certe tamen sonis duonfremdaj por la ordinaraj slavoj. Estus tamen malfacile argumenti, ke ili faris tion pli amplekse ol aliaj kreintoj de aliaj novaj skribolingvoj aŭ aliaj tradukintoj de sanktaj religiaj tekstoj.

Rilate la sintakson de Slavono, la demando fariĝas pli interesa. En la tiutempa greka (kaj ankaŭ en Latino), la literatura stilo postulis, ke oni uzu kompleksajn frazojn kun multaj subfrazoj, kaj anstataŭ parto de la frazoj oni prefere uzu nur participojn; anstataŭ *la imperiestro kunvokis sian konsilantaron kaj diris…*, oni prefere diru *kunvokinta sian konsilantaron, la imperiestro diris…* (adverba participo, kiel la Esperanta *kunvokinte,* ne ekzistis). Ĉi-sube mi provas paŭsi la sintakson de Slavono en Esperanto, tradukante eron de “La Vivo de Konstanteno”. Al la prepozicio *je* respondas en la originalo kazo nomata dativo – en alia kunteksto oni povus traduki dativon per *al,* sed ĉi tie temas nur pri markilo de subordigo, interpretebla en tiu ĉi kunteksto proksimume ‘post kiam’:

> *Rastislavo, moravia princo, urĝata de la Dio, aranĝis konsiliĝon kun siaj [sub]princoj kaj kun la moravianoj kaj sendis [mesaĝiston] al imperiestro Mikaelo, diranta [do, Rastislavo diris]: “Je niaj homoj forlasintaj paganecon kaj observantaj la kristanan leĝon, ni ne havas tian instruiston, kiu klarigus al ni la veran kristanan kredon en sia [slava] lingvo, por ke ankaŭ aliaj landoj, tion vidantaj, imitu nin.”*

Estas kompreneble malverŝajne, ke iu slavo *parolis* tiel antaŭ la ekesto de Slavono. La modelo de la greka literatura sintakso estas ĉi tie tute evidenta. La malsimpla greka stilo estis verŝajne unue paŭsata en la tradukoj de la bibliaj kaj liturgiaj tekstoj, poste ĝi fariĝis la idealo ankaŭ en tekstoj originale verkitaj en Slavono, kiel en la ekzemplo ĉi-supra. La slavaj disĉiploj de Cirilo kaj Metodio devis do lerni ne nur skribi sian lingvon, sed ankaŭ utiligi tute novan stilon, kiu ne havis modelon en la parolata lingvo. Aliflanke, transiro de la parola al la skriba lingvo estas ĉiam ankaŭ stila transiro, eĉ se ne ĉiam tiel drasta.

Krome, Cirilo ne inventis novajn participajn formojn por la slava lingvo – tiuj, kun sia malsimpla morfologio, jam ekzistis, kaj Cirilo nur disvastigis ilian uzon. Kaj de tempo al tempo Slavonaj tekstoj montras tiajn simplajn sintaksajn trajtojn, kiuj devas havi sian radikon en la parola lingvo: ekzemple la subjunkcio *jako* povas signifi ’kiel, ke, ĉar, kiam, por ke, tiel ke’ kaj traduki amason da malsamaj grekaj vortoj.

Resume, Cirilo kaj Metodio devis plenumi multe da lingvoplana laboro ĝis Slavono iĝis tia esprimpova kaj fleksebla literatura lingvo, kia ni ĝin konas, sed ili ne estis lingvokreantoj pli multe ol iuj ajn kreantoj de novaj skribaj normolingvoj. Estas

6 Kial? Verŝajne ĉar la homo ruĝiĝas kaj de forta honto kaj de forta febro aŭ varmego.

vere, ke ili faris multon en mallonga tempo, sed ankaŭ ĉi tie ni devas esti singardaj kaj eviti hastajn konkludojn. Konserviĝis neniaj dokumentoj skribitaj en pra-Slavono, la origina lingvo de Cirilo kaj Metodio, nek tiaj skribitaj propramane de iliaj senperaj disĉiploj. Almenaŭ cent jaroj disigas la plej malnovajn konservitajn tekstojn disde la Cirila-Metodia tempo. Pro la granda admiro al la du sanktaj fratoj oni emas pensi, ke ĉiuj subtilaj detaloj de la malnov-Slavonaj dokumentoj devenas de ilia plumo, sed ankaŭ eblas, ke tri aŭ kvar generacioj de kleruloj perfektigis la lingvon post ili. Ekzistas eĉ iaj indikoj pri tio. Jam delonge estas sciate (Jagić 1913: 281–421), ke por unusola koncepto troviĝas surprize ofte du aŭ eĉ pli da malsimilaj vortoj en la malnov-Slavonaj tekstoj – efektive, nia ĉi-supra ekzemplo kun du vortoj por 'evangelio' estas tia kazo. Ofte eblas distingi la originan Cirilan-Metodian vorton kun ia certeco, sed ne ĉiam. Ankaŭ la preciza konsisto de la origina glagolico estas nekonata por ni. Bedaŭrinde ni do ne plu povas esplori la originan Cirila-Metodian lingvaĵon en ĉiuj ties detaloj, kvankam ni povas esti certaj, ke ili estis la lingvoplanantoj, kiuj kreis Slavonon en ties ĉefaj trajtoj.

Inter la nunaj parolantoj de la slavaj lingvoj, precipe la kristanoj-ortodoksanoj, Slavono havas ian misteran aŭron pro siaj malsimplaj strukturoj kaj la asocio kun la sankta liturgio, same kiel Latino inter la katolikoj-kristanoj. Oni sentas, ke Cirilo kaj Metodio konstruis preskaŭ esoteran gramatikon por glori la Dion. Sed kompreneble la malnova Slavono ne estis tiom fremda kaj malsimpla lingvo, kiel ĝi aspektas kompare kun la *nunaj* lingvoj de la slava grupo.

La eksplicita idea celo de Cirilo kaj Metodio ja estis doni al la slavoj *propran* skribolingvon. Edukitaj en la bizanca medio, ili ne povis imagi, ke eblus fari skribolingvon sen la sintaksaj malsimplaĵoj similaj al tiuj en la greka – des pli, ke la sanktaj tekstoj de Biblio devis esti tradukitaj kiel eble plej fidele. Sed ili certe ne volis fari por la slavoj skribolingvon, kiu estas pli malproksima de la parolata slava ol la skriba greka lingvo distancas de la parola greka; en ilia tempo, ĉi tiu distanco en la greka estis tamen konsiderinde granda. Post kiam la lingvo de Cirilo kaj Metodio fariĝis sankta por la slavoj-ortodoksanoj, ĝi ne plu ŝanĝiĝis tiel rapide kiel la parolaj slavaj lingvoj, kaj tial daŭre malproksimiĝis de tiuj. Paradokse do, la lingvo kiu celis esti komprenebla por ĉiuj slavoj, fariĝis fine sankta kodo, kiun ĉiuj devis aparte lerni, kaj la diversaj slavaj nacioj poste devis, ĉiu siavoje, krei por si proprajn modernajn skribolingvojn.

*3. La adaptiĝema lingvo*

Post la 11a jarcento, la malnovan Slavonon do poiome anstataŭis la lokaj variaĵoj de Slavono, ĉiu influata de la loka slava idiomo, precipe en sia prononco. Oni parolas ekzemple pri la serba Slavono aŭ la rusa Slavono. Tamen, por la slavoj-ortodoksanoj ĝi plu restis principe unu lingvo, la slava. Antaŭ la ekuzo de presitaj libroj, multaj manuskriptoj skribitaj Slavone cirkulis de la monaĥejoj de unu lando al tiuj de la alia – kvankam ŝajnas, ke la monaĥoj-kopiistoj preferis kopii de manuskripto skribita en ilia propra variaĵo, se eblis elekto. La itala slavisto Riccardo Picchio proponis la Latinan terminon *Slavia Orthodoxa,* la Ortodoksa Slavio, por priskribi tiun kulturan komunumon bazitan sur Slavono skribata per cirilaj literoj.

Inter la katolikaj slavoj, aŭ en *Slavia Romana,* la Roma Slavio, la rolo de Slavono estis malpli grava, kvankam Cirilo kaj Metodio unue enkondukis sian lingvon ĝuste en la regiono sub la papa jurisdikcio. Slavono tamen restis uzata inter la katolikaj kroatoj, kiuj konservis ankaŭ la originan alfabeton de la tesalonikaj fratoj, la glagolicon. Slavonlingva meso estis celebrata precipe en la dalmatia parto de Kroatio tra jarcentoj, kio estis granda escepto ene de la eklezio rom-katolika uzanta ĉefe Latinon ĝis la Dua Vatikana Konsilio de la jaro 1964. Ŝajnas, ke ankaŭ la nomo "glagolico" devenas de Kroatio. En Slavono oftas la verboformo *glagola* 'li/ŝi diris', precipe komence de la evangeliaj legaĵoj, kiuj komenciĝas per "Jesuo diris" aŭ "la Sinjoro diris". Ĉar la verbo estis nekonata en la parolata kroata, ĝi fariĝis markilo de la eklezia lingvaĵo, eble unue kiel moknomo – la pastroj celebrantaj tiun ne-latinan meson estis nomataj *glagoljaŝi.*

Cetere, ankaŭ la memoro pri Cirilo kaj Metodio paliĝis en Kroatio, kaj almenaŭ ekde la 13a jarcento oni tie kredis, ke glagolico estis kreita de Sankta Hieronimo, do la sama persono, kiu tradukis Biblion latinen longe antaŭ Cirilo kaj Metodio, ĉirkaŭ la jaro 400 (Jagić 1913: 130). Eble oni ankaŭ ricevis papajn permesojn por glagolica meso pli facile alvokante la nomon de Hieronimo, kiu estis tre grava sanktulo en la katolika eklezio, kaj vere devenis de Dalmatio – kvankam liatempe tie ankoraŭ ne loĝis slavoj!

En Kroatio la origina glagolico, ofte nomata "ronda glagolico", ricevis novan formon nomatan "angula glagolico". La origina rondeca fasono de la glagolica estis taŭga, kiam oni skribis manuskriptojn sur pergameno, sed kiam la nova skribolingvo ricevis pli da sociaj uzoj, oni devis ankaŭ ĉizi epigrafojn sur ŝtono, kaj por tio pli oportunaj estis angulaj formoj. Por esplori la mezepokan historion de Kroatio, estas necese koni la angulan glagolicon.

Interesa epizodo en la historio de Slavono estis, ke la imperiestro Karlo la kvara (regis 1346–1378), kiu fondis la faman Universitaton de Prago, ankaŭ venigis kroatajn pastrojn al unu praga monaĥejo, por ke ili enkonduku Slavonon tien. Tio supozeble influis ankaŭ la fruan reformaciulon Johanon Huson (1372–1415), la antaŭulon de la protestantismo, kiu kulturis la ĉeĥan lingvon. La "slava monaĥejo" de Prago tamen ne transvivis la religiajn konfliktojn kaj atakojn kontraŭ la husisma movado komence de la 15a jarcento. Unu aparte bela evangelia libro, skribita parte cirile kaj parte glagolice, transportiĝis de Prago laŭ malsimpla vojo al la franca urbo Remso, kaj iĝis kutimo, ke ĉe sia kroniĝo ĉiuj francaj reĝoj devis fari ĵuron tuŝante tiun manuskripton, konsideratan speciale sankta.

Sed la plej grandan rolon Slavono do havis en la Ortodoksa Slavio. Tie ĝi disiĝis en tri ĉefajn variaĵojn, kiujn oni tradicie nomas la rusa Slavono, la serba Slavono kaj la bulgara Slavono (ankaŭ nomata la mezbulgara, se oni nomas la malnovan Slavonon malnova bulgara). La teritorio de la bulgara Slavono inkluzivis ankaŭ Makedonion. La rusa Slavono ne estis "rusa" en la moderna senco de la vorto, ĉar oni unue uzis ĝin en Kievo, la nuna ĉefurbo de Ukrainio; la radiko *rus-* tiutempe signifis ĉiujn orientajn slavojn, kaj tial estus eble pli klare nun paroli pri "orienta Slavono". Subtipo de ĉi tiu fariĝis la tiel nomata rutena Slavono, kiu estis uzata en la Grandduklando Litovio, precipe inter la belorusoj kaj ukrainoj sed ankaŭ kiel la oficiala skribolingvo de la tuta regno. Sed iom post iom la rusa Slavono, en la malvasta senco de la vorto, forpuŝis la

aliajn Slavonojn kiel la liturgia lingvo ankaŭ ekster Rusujo. Pro la prestiĝo de la Rusa Imperio inter la slavoj-ortodoksanoj, oni komencis kredi, ke ĝuste la rusa Slavono estas plej proksima al la lingvo de Cirilo kaj Metodio. Nur dum la 19a jarcento la filologoj iom post iom retrovis la sudslavajn radikojn de ilia lingvo.

Ĉiuj ĉi variaĵoj de Slavono ne nur estis influataj de la lokaj lingvoj, sed ankaŭ reciproke influis ilin. Inter ĉiuj modernaj slavaj normolingvoj, la rusa entenas la plej fortan influon de Slavono. En la rusa ekzistas ne malmultaj vortoparoj, kie la origine rusa vorto havas konkretan signifon kaj ĝia Slavona paralelaĵo pli abtraktan signifon. Ekzemple, la rusa vorto por 'kapo' estas *golova,* sed por la signifoj 'estro' kaj 'ĉapitro' oni uzas la respondan Slavonan vorton *glava,* kiu same origine signifis nur 'kapo'. Gorbaĉov siatempe famiĝis pro la koncepto *glasnost'* 'publikeco, malfermiteco', kies radiko estas la Slavona *glas* 'voĉo', sed la normala rusa vorto por 'voĉo' estas *golos.* La vorto 'urbo' estas *gorod* en la rusa, sed en iu nomoj, ekzemple *Leningrad* au *Volgograd,* aperas la Slavona *grad.* La vorto por 'lakto' estas *moloko,* sed la Lakta Vojo estas *Mlečnyj Put',* de la Slavona *mlěko* 'lakto'. Kaj tiel plu.

Slavono do montriĝis adaptiĝema komunikilo, portebla de unu slava lando al alia. En la Ortodoksa Slavio, ĝi havis gravan rolon kiel skribolingvo ankoraŭ dum la unuaj jarcentoj de la Moderna Epoko, sed iom post iom dum la 18a kaj 19a jarcentoj ĝin anstataŭis la naciaj skribolingvoj, kaj por ĝi restis nur kelkaj ekleziaj funkcioj. Tiam kiel la specialan meriton de Cirilo kaj Metodio oni jam konsideris ne ĝuste la specifajn lingvajn formojn, kiujn ili uzis, sed ilian konvinkon, klare kaj elokvente proklamitan, ke ĉiuj popoloj rajtas havi sian propran skribolingvon.

*Bibliografio*

(La literaturo pri Konstanteno-Cirilo kaj Metodio estas tiel abunda, en preskaŭ ĉiuj slavaj lingvoj kaj en la germana kaj angla, ke ne eblas doni specifajn referencojn pri la ĝenerale konataj faktoj de ilia vivo. Tial mi referencis en la teksto nur okaze de pli malmulte konataj faktoj aŭ hipotezoj. Sed bonaj ĝeneralaj fontoj pri la agado de Cirilo kaj Metodio estas, en la listo ĉi-suba: Fontes, Grivec 1960, Trunte 1998 kaj 2003, KME. Jagić 1913 estas malofte konsultata nuntempe, tamen ankaŭ ĝi meritas legadon kiel solida klasikaĵo pri la temo.)

**Fontes** (1960):*Constantinus et Methodius Thessalonicenses: Fontes,* recensuerunt et illustraverunt Franciscus Grivec et Franciscus Tomšič. Zagreb: Institutum Palaeoslavicum (Radovi Staroslavenskog instituta 4.)

**Grivec, F**. (1960): *Konstantin und Method. Lehrer der Slaven.* Wiesbaden: Otto Harrassowitz.

**Jagić, V**. (1913): *Entstehungsgeschichte der kirchenslavischen Sprache.* Neue berichtigte und erweiterte Ausgabe. Berlin: Weidmannsche Buchhandlung.

**KME** = *Kirilo-Metodievska enciklopedija* 1–4. Sofija 1985–2003: Bălgarska akademija na naukite.

**Thomson, F. J.** (1992): SS. Cyril and Methodius and a mythical Western heresy: A contribution to the study of patristic and mediaeval theories of sacred languages. In: *Acta Bollandica* 110. 67–122.

**Trunte, N**. (1997): Ex Armenia lux. Konstantin-Kyrill und Mesrop-Maštoc'. In: *Palaeoslavica* 5 (Cambridge/Mass). 31–57.

**Trunte, N.** (1998): *Slavénskyj jazýk. Ein praktisches Lehrbuch des Kirchenvslavischen in 30 Lektionen. Zugleich eine Einführung in die slavische Philologie,* 2: *Mittel- und Neukirchenslavisch.* München: Otto Sagner. (Slavistische Beiträge 370.)

**Trunte, N.** (2003): *Slověnĭskŭi językŭ. Ein praktisches Lehrbuch des Kirchenslavischen in 30 Lektionen. Zugleich eine Einführung in die slavische Philologie,* 1: *Altkirchenslavisch.* (5a eldono.) München: Otto Sagner. (Slavistische Beiträge 264.)

**Tschernochvostoff, G**. (1995 [1947]): Zum Ursprung der Glagolica. [Tradukita kaj redaktita de J. Nuorluoto.] In: *Studia Slavica Finlandensia* 12. 141–150.

*Received 2016-05-05*

*Author's address:* jouko.lindstedt@professori.fi

*Haben Kyrill und Method eine neue Sprache geschaffen? (Knapptext)*

Um 860 haben die Brüder Kyrill und Method aus Thessaloniki ein neues Alphabet und eine Schriftsprache für Slawen geschaffen. Das Alphabet bekam später den Namen Glagolitza und die Sprache ist als Altkirchenslawisch bekannt. Da die Glagolitza kein evidentes Modell unter den Alphabeten dieser Zeit hatte, und sogar die ersten altkirchenslawischen Texte stilistisch und syntaktisch auf sehr hohem Niveau standen, das bestimmt im keinen der gesprochenen slawischen Dialekte existierte, leisteten Kyrill und Method offensichtlich viel Arbeit in Sprachplanung und sogar Sprachentdeckung. Andererseits, bei genauerer Beobachtung scheint dieser Prozess ähnlich wie bei der Entwicklung anderer Schriftsprachen zu sein, welche die beiden Brüder schon kannten. Das Spezifikum des Altkirchenslawischen ist seine Mobilität: es entwickelte sich aus dem lokalen Projekt auf dem Gebiet von Thessaloniki zu einer vollständigen liturgischen Sprache in Großmähren, später zur offiziellen Sprache des ersten Bulgarischen Reiches, zur liturgischen Sprache der römisch-katholischen Kroaten, und schließlich (geschrieben im neuen bulgarischen, sog. kyrillischen Alphabet) zu einem interethnischen Kulturträger unter den meisten orthodoxen Christen.

grkg / Humankybernetik
Band 57 · Heft 2 (2016)
Akademia Libroservo / IfK



Aleksandr Dimitrevič DULIČENKO

Li estas habilitita doktoro de filologiaj sciencoj kaj orda profesoro pri ĝenerala kaj slava lingvoscienco en la universitato de Tartu (Estonio), specialisto pri la slavaj mikrolingvoj, i. a. pri la kaŝuba, krome pri la teorio de lingvo, etnolingvistiko, sociolingvistiko, kompara lingvoscienco, historio de lingvistiko kaj nelaste interlingvistiko. Li estas la eldonisto de *Interlinguistica Tartuensis,* scienca periodaĵo publikiganta ekde 1982 tekstojn de la prelegoj de interlingvistikaj konferencoj en Tartu (ĝis nun 9 volumoj). Duliĉenko aperigis pli ol 500 sciencajn publikaĵojn, kiuj estis tradukitaj en dudekon da lingvoj. Aparte gravaj estas liaj verkoj interlingvistikaj, inter ili la ruslingva bibliografio „Internaciaj helpaj lingvoj“ el la jaro 1990, kiu apartenas al la fundamentaj interlingvistikaj fontoj pri lingvoprojektoj ĝis la 20-a jarcento. Lia verko „En la serĉado de mondoligvo“ (2006) estas popularscienca lernolibro de interlingvistiko. Oni povas nomi lin ankaŭ la fondinto de la slava interlingvistiko – disciplino kiu estas ĵus evoluiĝanta.

**Pravigo de la slava interlingvistiko: la ideo de slava reciprokeco kaj tutslava lingvo en la historio de slavoj**

de Aleksandr D. DULIĈENKO (Tartu, EE)

*1. Slava interlingvistiko: esenco kaj problemoj*

Slava reciprokeco estas konscio de la slavaj popoloj pri ilia komuna origino, historiaj destinoj, proksimeco kaj kunligiteco de iliaj tradiciaj kulturoj kaj lingvoj. Tiu ĉi ideo komencis formiĝi jam en la mezepoko. En tiu rilato jam delonge ekzistas bezono, fokusita ĉefe en la lingva flanko de la ideo, determini ĝin kiel specialan disciplinon kun historia, kultura kaj socilingvistika ĥaraktero. Tiamaniere, la objekto de slava interlingvistiko povas iĝi tutslava lingvo en sia sistemstruktura kaj funkcia (kaj pli larĝe sociolingvistika) plano, evoluigita por realigi diversajn aspektojn de la menciita ideo kaj samtempe helpi venkon de lingvaj baroj inter la slavoj.

Ĉe tutslavaj lingvoj temas pri racie evoluigitaj projektoj de la tutslava lingvo (lingvoprojektoj) kaj proponoj promocii en la rolon de la interslava komunikilo Slavonon aŭ unu el la slavaj etnolingvoj. En tiuj cirkonstancoj, la slava interlingvistiko estas aŭtonoma disciplino, kiu apartiĝas de ĝenerala interlingvistiko, kiu, siavice, estas subdisciplino de lingvistiko, t.e.: lingvistiko kiel la scienco pri lingvo ← interlingvistiko kiel unu el la branĉoj de lingvistiko ← slava interlingvistiko kiel unu el la disciplinoj de interlingvistiko.

Interlingvistiko okupiĝas pri problemoj de la internacia (aŭ: transnacia) lingva komunikado, al kiuj apartenas: (1) serĉado de internacia lingvo kaj suprenigo de unu el la etnaj aŭ superetnaj lingvoj en tiun rolon, (2) konstruo de tia lingvo konscie, t. e. per artefarita (racia) maniero: ĝis la sepdekaj jaroj de la 20-a jc. estis konstruitaj pli ol 900 lingvoprojektoj de la universala, tutmonda, internacia lingvo, sed praktike realiĝis (sociiĝis) nur Volapuko (1879), poste Esperanto (1887) kaj parte aliaj. (3) En la kompetentecon de interlingvistiko (konkrete ankaŭ slava) apartenas ankaŭ studo de reformoj rilate al la starigo aŭ plibonigo de etna (nacia) literatura lingvo kaj ĝia normigo. Tio konektas interlingvistikon kun lingvistiko normiga aŭ preskriba. Interlingvistiko tiel estas integra daŭrigo de lingvistiko en la direkton de pli granda lingva abstraktado, nome per etna literatura lingvo (pri detaloj vidu Duliĉenko 1995:39-55). Lingvaj projektoj, laŭ intenco de siaj aŭtoroj, povas havi tutecan karakteron, se ili estas antaŭviditaj por ĝenerala (tutmonda) uzado, kaj regionan karakteron, se ili volas kovri certan kulturan kaj lingvan arealon, ekzemple eŭropan, aŭ iun parton de ĝi. En la historio de interlingvistiko konatas konsiderinda kvanto de eksperimentoj krei projektojn de artefaritaj lingvoj surbaze de certa lingvogenetika materialo. En Esperanto estas sintezitaj elementoj de latinida, ĝermana kaj ankaŭ de slava origino, tial oni tiun lingvon pli facile komprenas en Eŭropo. Oni krome faras eksperimentojn kun pli malvasta lingva materialo, do aperas projektoj ekz. kun interromana (tutromana) kaj interĝermana (tutĝermana) celo.

En la slava mondo jam delonge ekzistas projektoj de interslava (tutslava) lingvo, kiuj celas esti uzataj inter slavaj nacioj. La unuaj eksperimentoj pri kreo de projektoj de tutslava lingvo aperis jam en la 9-a jc. dum lingvokonstrua agado de Cirilo kaj Metodio, kreintoj de slava literatura kleriĝo kaj de la unua literatura skriblingvo de slavoj, Slavono. Ĉefe la multjarcenta funkciado de Slavono, kiu estis gepatra de neniu nacio, en sia kvalito de internacia literatura skriblingvo inter slavoj kaj parte eĉ neslavoj (moldavoj, rumanoj) estis sprono al racia procedo krei komunan lingvon.

*2. Tutslavaj lingvoprojektoj en la historio de slava interlingvistiko (16-a ĝis 20-a jc.)*

Projektoj de tutslavaj lingvoj aperis minimume jam en la 16-a jc. Ĝis la duono de la 20-a jc. ekestis iom pli ol dudeko da ili, en diversa grado de ellaboriteco: kelkaj detale, aliaj en ĝeneralaj karakterizaĵoj. (Ilia priskribo kolektiĝas en: Duliĉenko 1990 kaj Duliĉenko 1995:39-55, Duliĉenko 2007, Ĉurkina 1993:180–195). Krome, teoria valoro de la koncernaj projektoj varias. La menciita cifero kompreneble ne estas absoluta. Pri

tutslavaj projektoj el la fino de la 20-a kaj komenco de la 21-a jc., publikigitaj en la interreto, speciale okupiĝas germana slavisto Tilman Berger (Berger 2004:19-28). Jen tabelo de tutslavaj projektoj ekde la 16-a jc. ĝis la duono de la 20-a jc.

| N. | tempo | lingvoprojekto (lingvonomo) | kreinto de de lingvoprojekto | loko (lando, urbo) |
|---|---|---|---|---|
| | **16-a jc.** | | | |
| 1 | 1583 | Slovignsky/slouignisky iazik | Šime Budinić | Kroatio// Roma[1] |
| | **17-a jc.** | | | |
| 2 | 1657-1666 | Ruski jezik | Juraj Križanić | Kroatio// Rusio |
| | **18-a jc.** | | | |
| 3 | 1790 | [ ][2] | G. Sapel | Slovenio |
| 4 | 1793 | [ ] | Blaž Kumerdej | Slovenio |
| 5 | 1796 | [Opšti slovenski jezik] | S. Stratimirović | Serbio |
| | **19-a jc.** | | | |
| 6 | 1807 | [Wspólny język słowiański] | Samuel Linde | Pollando |
| 7 | 1826 | Lingua slavica universalis | Joann Herkel | Slovakio// Budapest |
| 8 | 1847-1849 | Sveslavjanski jezik | Matija Ban | Serbio/ Kroatio Beograd/Dubrovnik |
| 9 | 1850 | Vseslavjanski jezik | Jakob Radoslav Razlag | Slovenio// Graz |
| 10 | 1853 | Sveslavenski jezik | Božidar(Matija)Raić/ Raič (Reich) | Slovenio// Zagreb |
| 11 | 1863-1865 | Uzajemni slavjanski jezik | Matija Majar | Slovenio// Praha |
| 12 | ≈1872 | [Vseslovanski jezik] | Oroslav Caf | Slovenio |
| | **20-a jc.** | | | |
| 13 | 1907 | Neuslawisch | Ignác Hošek | Ĉeĥio/ Kroměříž |
| 14 | 1912 | Slavina (Slovanské esperanto) | Josef Konečný | Ĉeĥio/ Praha |
| 15 | 1912 | Slovanština | Edmund Kolkop | Ĉeĥio / Jevíčko |
| 16 | 1913-1916 | [ ] | Petr Stojan, D. Ĉupovskij | Rusio/ Petrograd |
| 17 | 1920 | Slavski jezik | B. Holý | Ĉeĥio / Nové Město nad Metují |
| 18 | 1940 | Sveslav (Sveslovenski jezik) | Č. Džurdžević | Serbio/ Beograd |
| 19 | 194…? | Slovan | A. E. Zidek | Usono |
| 20 | 1954-1958 | Mežduslavjanski jezik | Ladislav Podmele k.a. | Ĉeĥio / Praha |
| 21 | 20-a jc. | Slawsky | ? | Briti |

1 Kroatio//Roma = La aŭtoro devenas el Kroatio, la verko aperis en Romo.

2 [ ] = Nomo de la projekto nekonata.

Poloj kaj slovakoj proponis nur po unu projekto de tutslava lingvo, kroatoj du, serboj tri, ĉeĥoj kvin, slovenoj ses, do la lastaj du nacioj montris la plej grandan aktivecon en lingvokonstruado surbaze de slava materialo. Ne malfacilas rimarki, ke la provoj proponi tutslavan lingvon venis precipe de sudaj kaj okcidentaj slavoj. La plej fortaj aktivecoj okazis ekde fino de la 18-a jc. ĝis la sepdekaj jaroj de la 19-a jc.. Tio estis tempo de disvolviĝo de burĝaj rilatoj en la slavaj landoj, formado de nacia konscio de slavaj nacioj. Tiuj procezoj estis konektitaj kun batalo de la slavoj por rajto al propraj kulturo, lingvo kaj ekonomia sendependeco. En slavistiko, la ideo de slava reciprokeco estas nomata "la granda ideo". La penso pri unueca deveno de la slavoj, pri ilia parenceco, pri neceso unuiĝi aperis jam en tre fruaj tempoj. Oni kredas, ke jam en la 6-a ĝis la 9-a jc., kiam slavoj vivis en malsamaj regionoj de Eŭropo, disvastiĝis ilia konscio de aparteno al la ununura etno. Koncerne tion evidentas faktoj kiel ekzemple uzado de etnonimo slavoj "slověne, slavjane" kaj lingvonimo "slověnskij jazyk" sur la tuta teritorio okupata de slavoj (L' idea dell' unità 1994; Slovanská vzájemnost 1938; Weingart 1926).

*3. Slavono kiel internacia lingvo*

Sendube, la ideo de slava unueco plenigis agadon de la fratoj Konstanteno (monaka nomo Cirilo) kaj Metodio, kiuj en la 9-a jc. establis slavan klerecon kaj la unuan slavan literaturan skriblingvon, kiu en Rusio ĝis la komenco de la 20-a jc. nomiĝis "antikva eklezia/malnov-eklezia slava lingvo" (древнецерковнославянский язык) kaj poste ricevis la nomon "malnovslava" (старославянский); bulgaroj nomis kaj ĝis nun nomas ĝin "malnovbulgara". [En Esperanto kutimas la nomo "Slavono", aŭ - ĝis la 11-a jc. - "malnova Slavono". Rimarko de tradukisto.] La aŭtoroj kaj iliaj posteuloj nomis tiun lingvon slava (slověnskij). La lingvonimo "slověnskij jazyk" adresiĝis al ĉiuj slavoj. Tute komence, tiu ĉi lingvo estis intencita por religiaj celoj, por tradukoj de sanktaj tekstoj kaj praktikado de diservoj en la preĝejo, sed poste ĝia uzado ampleksis ankaŭ sciencon kaj literaturon. Tiel ekestis paradokso en slavistiko: en la 11-a jc. kaj poste ĉiuj tekstoj ne plu nomatas "malnovslavaj", sed "ekleziaj slavaj", kvankam, kiel ni ĵus montris, la lingvo estis trapasinta limojn de la preĝeja/eklezia uzo. Tamen, kelkaj esploristoj de malnovslava/eklezia slava problemaro uzas ununuran lingvonimon "malnovslava" (древнеславянский). Per la ideo de bezono de tiu lingvonimo okupiĝis en la 60-aj jaroj de la 20-a jc. la laboraĵo "Pri problemo de la malnovslava literatura lingvo kiel komuna literatura lingvo de sudaj kaj orientaj slavoj " kaj aliaj publikaĵoj de N. I. Tolstoj (Tolstoj, 1961 : 52-66 ).

Proksimume en la 11-a ĝis 12-a jarcentoj tiu ĉi lingvo multe disvastiĝis inter orientaj kaj parto de sudaj slavoj, poste ankaŭ inter rumanoj kaj moldavoj, kaj plenumante ligan kulturan rolon en parto de la ortodoksa mondo, ĝi iom post iom ricevis specifajn lokajn trajtojn fonetikajn, gramatikajn kaj leksikajn, t.e. en Bulgario bulgarajn, en Serbio serbajn, en Rusio malnovrusajn ktp. Formiĝantaj lokaj variantoj de Slavono, kvankam ili akiradis lokan kolorigon, tamen ne perdis la trajtojn de la lingva unueco. Tio kontribuis al vasta uzado de tiu lingvo inter multaj popoloj de la ortodoksa mondo

kiel lingvo-peranto en la kampo de kulturo kaj ankaŭ en aliaj sferoj de la vivo. Ne estas duboj pri tio, ke tiu lingvo dum pluraj jarcentoj fortigis la spiritan unuecon de la slavoj. Ekestis en ĝi riĉa literaturo. Krom en la religia ĝenro, Slavono estis uzata praktike en ĉiuj ĝenroj, la plej populara estis la eklezia oratora, kaj evoluiĝis ankaŭ sekulara literaturo: historiaj skribaĵoj, tradukitaj romanoj, poezio, dramo, satiro. En kelkaj partoj de Slavio la lingvo uziĝis ankaŭ en jura kaj negoca praktikoj.

Slavono travivis ĝis hodiaŭaj tempoj kiel lingvo de diservoj. Ĝia origine superetna destino esti la eklezia lingvo en slavaj kaj poste en kelkaj neslavaj landoj (Rumanio, Moldavio), kaj ĝenerale artefarita naturo de ĝia gramatika sistemo, plilarĝigo de ĝiaj funkcioj lige al eniro en sekularajn sferojn de vivo inter la orientaj kaj parte sudaj slavaj popoloj permesas al ni inkludi tiun ĉi malnovslavan literaturan lingvon ankaŭ en la gamon de temoj de slava interlingvistiko. Pri tio, ke ĝi kiel lingvo de internacia disvastigo en la ortodoska mondo havas paralelojn kun la latina lingvo kiel internacia lingvo de la katolika eklezio, skribas Kurz (Kurz 1958: 13–35).

*4. Ekesto kaj disvolviĝo de ideo de slava reciprokeco kaj tutslava lingvo ĝis la 19-a jc.*

Ideo de la slava unueco estas klare reflektita en la malnovaj slavaj skribaj dokumentoj. Ekzemple, en "Rakontoj pri la pasintaj jaroj" (Повести временных лет, 12-a jc.), la kronikisto Nestor parolas pri slavoj kiel pri etna grupo kun propra lingvo. Samtempe estas respektata ia etna gradeco: ekzistas ĝenerala slava etno kun ĝenerala nomo kaj ĝiaj subdividoj.

*4.1. Jurij Križanić kaj lia ideo de la slava unuiĝo kaj tutslava lingvo*

En la 17-a jc., kiam la raciismo evoluigis teoriajn bazojn de apriore filozofia lingvoprojektado, ekestis kaj firmiĝis la penso pri diversa alproksimiĝo al la konstruo de komuna lingvo. Raciismo, kritikante malperfektecon de etnaj lingvoj, ĝenerale malatentis tiujn lingvojn. Intertempe kreskis konscio, ke vivanta lingvo jam estas preta modelo por konstrui pli perfektan lingvon. Ni nur bezonas "plibonigi" tian lingvon aŭ, apogante nin sur aro de aliaj vivantaj aŭ "mortaj" lingvoj, krei novan superlingvan sistemon, kiu reflektus la plej komunajn kaj gravajn trajtojn en la kampoj de gramatiko kaj vortaro. Fondinto de tiu ĉefa tendenco de interlingvistiko ĝenerale kaj slava aparte estis Jurij Križanić (1617/1618-1683), devena de Bosnio, granda slava patrioto kaj respektata humanisto, unu el la plej elstaraj figuroj de la socia kaj politika pensado de Kroatio kaj Rusio de la 17-a jarcento. Križanić travivis eksterordinaran vivon. Li alvenis en Rusion kun la celo konvinki la rusan caron preni sub siajn flugilojn ĉiujn slavojn, subprematajn de siaj najbaroj. Tamen, komence de la jaro 1661 venis neatendita turno en la vivo de Križanić: li estis arestita kaj ricevis caran dekreton pri elpelo. "Kaj la cara dekreto ordonis al li esti en Tobolsk ĉe tiuj caraj aferoj, ĉe kiuj decas. Kaj oni ordonis doni al li kiel manĝomonon sep rublojn kaj duonon pomonate" (Puŝkarev 1984:109).

La ĉefa verko de Križanić, eseo "Politiko" estas siaspeca panoramo de vivo kaj perspektivoj de la rusa ŝtato, kiel ili montriĝis al li (Križanić 1965). Li laboris de mate-

no ĝis nokto, atendante ke la caro konatiĝos kun liaj verkoj kaj nuligos sian decidon. Nur en 1676, post la morto de la caro Alexej Miĥailoviĉ, Križanić estis pardonita. "Jurijon la Serbon (tiel oni tiam nomis lin en Rusio) la caro liberigis de malhonoro kaj ordonis lin kaj aliajn ekzilitojn lasi iri al Moskvo kaj doni al ili ĉarojn" (Puŝkarev 1984:154). En 1678 li iris eksterlanden kune kun dana senditaro, kaj forlasante Rusion por ĉiam, li alvenis al Varsovio kun trupoj de Jan Sobieski, kiu iris en batalon kontraŭ la turkoj, okazonta ĉe Vieno. La 2-an (12-an) de septembro 1683, Križanić estis mortigita ĉe la sieĝo de Vieno. Tiel finiĝis la dolorplena kaj vaganta vivo de unu el la plej grandaj slavaj pensuloj de la 17-a jarcento, kiu estis revinta pri kunigo de la slavaj popoloj. Kaj li estis irinta tra la dornoj de la lingvistika solvodecido de la ideo pri slava unueco.

En la opinio de Križanić, kunigita slavaro povus sukcese evoluiĝi nur se ĝi havus komunan lingvon. Antaŭuloj de Križanić evoluigintaj la ideon de slava unueco (sudaj slavoj Vinko Pribojević en la 16-a jarcento, Mauro Orbin/Orbini komence de la 17-a jc. k. a.), estis konvinkitaj, ke ĉiuj slavoj parolas la saman lingvon, ke en ĉiuj partoj de Slavio la lingvo estas unueca. Križanić male konsciis pri la lingva fragmentiĝo de la slavoj, kaj lia tasko estis establi, apogate sur la konkretaj lingvoj, ilian komunan lingvon kaj realigi lingvan unuigon de ĉiuj slavaj popoloj. Li ne nur detale prilaboris sian projekton de tutslava lingvo, sed ankaŭ realigis ĝin en praktiko - preskaŭ ĉiuj el liaj verkoj estas skribitaj en tiu lingvo. La ideo de tutslava lingvo kaj klarigo de la esenca karaktero de la lingvo aperas en du verkoj de Križanić, "Objasnenje vivodno o pisme slovienskom" el 1661 (Križanić 1891:17-72), kiu povas esti tradukita malglate kiel "Konkluda klarigo pri la slava skribo" kaj "Gramatično izkazanje o ruskom jeziku" el 1666 - "Gramatika prezento de la rusa (= slava) lingvo" (Križanić 1848). La lasta eseo prezentas gramatikon de slavaj lingvoj, kies finaj konturoj formiĝis ĉe Križanić kaj estis sisteme skizitaj en Tobolsk. Troviĝante "sur la rando de la mondo", li estis devigita mem "sen helpo kaj sen konsilo de aliaj", sen vortaroj kaj aliaj libroj ellabori sian interlingvistikan kreaĵon.

Li komprenis, ke la evoluo de la lingvo devas iri per la vojo de ties plibonigo. En sia unua laboraĵo li skribis: "Nek unu lingvo estis en pratempo, en sia komenco, perfekta." Plibonigo de la lingvo - jen tasko, kiun devas solvi la homo. Križanić kredis, ke disvolvita, bone normigita lingvo antaŭenigas socian progreson. En sia verko "Politiko" li skribas pri tio: "Ni devas fari korektojn kaj plibonigi nian lingvon, por ke ni povu protekti nin de malbona konateco kaj okupiĝi pli sukcese per scienco kaj ĉiuj publikaj aferoj" (Križanić 1965:467). Plie, en la rigardo de Križanić al la lingvo reflektiĝs la ideoj de raciismo: "La perfekteco de la lingvo, " - li skribas en "Politiko" - "estas la plej necesa instrumento de saĝeco kaj eble la plej grava signo de ĝi" (Križanić 1965:466). Malsimile al la okcidenteŭropa raciismo, Križanić imagis intence reguligitan lingvon kiel nedetrueblan komplekson, kiel la solan sistemon, kies uzo devus kontentigi la bezonojn de reala komunikado kaj bezonojn de pensado. Konfido de Križanić, ke lingvon eblas prilabori, plibonigi kaj rekonstrui, plifortiĝis per la fakto, ke ĉe la slavoj jam dum pluraj jarcentoj estis funkcianta eklezia slava literatura kaj skriba lingvo - la sama inter-

nacia lingvo inter la slavaj popoloj, kiel ankaŭ inter rumanoj kaj moldavianoj, kiel la Latina en okcidenta Eŭropo. La eklezia slava lingvo ne estis vere parolata lingvo, ĝia artefarita karaktero estis bone konata al ĉiuj kulturaj personecoj, inklude de Križanić.

La eklezia slava lingvo estis ankoraŭ komence de la 17-a jc. kodigita per la gramatiko de Meletios Smotrickij. Tiu ĉi gramatiko ne kontentigis Križanić, ĉar ŝajnis al li, ke Smotrickij rekomendis tro multajn grekajn elementojn kaj modelojn. Križanić konceptis la gramatikon de sia tutslava lingvo kiel liberan de neslavaj elementoj, sed samtempe plibonigitan, por ke ĝi kontribuu al la unuiĝo de la slavoj kaj ilia socia progreso. Ne eblas preteratenti, ke Križanić bone komprenis, ke dialektoj kaj literatura lingvo ne estas la sama afero. En la antaŭparolo al sia gramatiko li skribas, ke la grekoj, malgraŭ sia dialekta fragmentiĝo, uzis komunan skiblingvon kaj bone komprenis unu la alian. Precize la samo devas esti farita ankaŭ kiam temas pri la slavoj. Malgraŭ tio, ke ili havas aron da dialektoj, ili povas havi unu komunan lingvon, kompreneblan al ĉiuj: "Kaj mi decidis paroli per komuna lingvo, por ke ĉiuj komprenu", li skribas. Por sia tutslava lingvo, nomita Ruski jezik, Križanić aplikis du skribsistemojn - slavan (kirilan) kaj latinan. Unue li skribis kelkajn siajn verkojn en sia lingvo, inkluzive de ambaŭ gramatikaj (vidu pli supre) kaj poste li verkis en ĝi sian libron "Politiko". Li ne eksplicite klarigis, kial estis aplikataj du alfabetoj. La kirila alfabeto estas donita en la formo de la malnova eklezia, sed ĝi havas multajn ŝanĝojn: fakte ne estas ъ, konserviĝas ь, aldoniĝas *j* ktp. La latina alfabeto estas plej simila al tiu de la pola lingvo, kun karakterizaj *w* [v], *sz* [ŝ], *cz* [ĉ](malmola). Por moligi konsonantojn estas uzata la pola maniero – kombinoj de la tipo *ie* (wsiech 'ĉiuj'), sed ankaŭ la *y* (ot nyich 'de ili') kaj aliaj karakterizaĵoj. Kaj la gramatiko kaj la ortografio varias. En gramatika kaj leksika nivelo, la tutslava lingvo estas sintezo de elementoj de diversaj slavaj lingvoj. Laŭ anticipaj indikoj, la leksika konsisto de la lingvo inkluzivas ĉirkaŭ 10% da rusaj, la saman procentaĵon de la eklezi-slavaj kaj kroataj (serbo-kroataj) vortoj, sekvas la fontoj pola, ukraina kaj aliaj.

Entute, la tuta stoko da vortoj de ĉiuj slavaj lingvoj estas proksimume 60%. Granda nombro da vortoj estis kreita de Križanić mem, kun uzo de komunaj slavaj sufiksoj kaj prefiksoj: *oprawniki* 'komizoj', *nazorniki* 'gardistoj', *měrnik* 'mezuristo', *lawnik* 'juĝisto', *rast* 'procento', *ustawi* 'leĝoj', *mudróst* 'scienco', *umitel* 'arto' kaj *umitelnosti* 'scioj' k. a.. Križanić desegnis precipe multajn kunmetitajn vortojn de la tipo *samowladstwo* 'autokratio', *jedinowladstwo* 'monokratio', *ljudoder* 'tirano', *ljudoderstwo* 'tiraneco' kaj tiel plu. Li enigis siajn ŝanĝojn en la gramatikon, klopodante sekvi la logikon kaj principojn de racieco kaj efikeco. Li konsideris, ekzemple, "eraro" de la slava gramatiko tion, ke la kategorio de viraj substantivoj enhavas nomojn kun la finaĵo *-a,* kaj sekve li proponas uzi ne "pijanitsa" sed "pijanits" (drinkemulo), ne "voznica" sed "voznik" (koĉero), do sammaniere kiel ĉe ĉiuj viraj substantivoj de la tipo de rusaj "человек" (homo), "кузнец" (forĝisto), "пожарник" (fajroestingisto). En pasintaj tempoj en la slavaj lingvoj ne ekzistis nur singularo kaj pluralo, sed ankaŭ dualo (per ĝi estis esprimataj unue paraj objektoj kaj poste ĉiuj aĵoj prezentataj en la kvanto de du). Križanić venas per logiko de sia argumento al la konkludo, ke tiu nombro jam estas tro arkaika, kaj li

rekomendas uzi la pluralon anstataŭe (kaj tiel eĉ okazis en la historio de la plimulto de slavaj lingvoj). Ne nur en la leksiko, sed ankaŭ en la morfologio de la tutslava lingvo de Križanić troviĝas kreaĵoj de diversa origino. Tio povas esti videble demonstrata sur ekzemplo de deklinacia paradigmo de la persona pronomo en la 1-a persono singulara "mi":

| Kazoj | Ruski jezik de Križanić | Rusa eklezia slava lingvo (laŭ Smotrickij) | Rusa lingvo | Serbokroata lingvo |
|---|---|---|---|---|
| nominativo | *jâз, jâ* | *азъ* | *я* | *jâ* |
| genitivo | *ме́не, ме; менә, мә* | *менеŷ* | *меня* | *мѐне, ме* |
| dativo | *ме́ни, ми; мнеу́* | *мнеу́, ми* | *мне* | *мѐни, ми* |
| vokativo | *ме́не, ме; менә, мә* | *мене́, мә* | *меня* | *мѐне, ме* |
| instrumentalo | *ме́ноjи; мно́jи* | *мно́ю* | *мною* | *мнôм* |
| ablativo | *ме́ни; мнеу́* | *w мне* | *мне* | *мѐни* |

La distribuo de kazo-komponantoj de paradigmo de la pronomo "mi" en la kolumnoj "Ruski jezik de Križanić", "Rusa eklezia slava lingvo", "(reala) Rusa lingvo" kaj "Serbokroata lingvo" montras, ke multaj el la komponantoj trovas sufiĉe distingajn paralelojn en la rusa eklezia slava, rusa kaj serbokroata lingvoj - "ruski jezik" kvazaŭ sintezas elementojn de ĉiuj tri lingvoj, vidu nominativon *jâз, jâ* - en la rusa eklezia slava *азъ*, kaj en la rusa kaj la serbokroata *я/jâ.* En genitivo reflektiĝas, unuflanke, plena kaj enklitika (mallonga) formoj de la serbokroata (*ме́не, ме - мѐне, ме*) kaj la plena formo de la rusa eklezia slava (*мене́ — меня*)), aliflanke ni trovas paralelon kun la rusa lingvo (*мене – меня*). Restas unu mallonga formo *мә*, kiun ŝajne Križanić mem elpensis. Ni aldonu al tio ankaŭ unu el la formoj de instrumentalo por trovi koincidon, kiu estas en slavaj lingvoj preskaŭ neebla: *ме́ноjи*, kio permesas opinii ĝin konscie, artefarite kreita formo (en la slovena lingvo existas simila, sed ne identa formo *menoj*). Analizo de sekvaj kazoj povas esti efektivigita memstare.

Estas necese mencii, ke Križanić ne sukcesi plene meti en praktikon ĉiujn konsilojn kiujn li donis en sia gramatiko. Lia "Ruski jezik" abundas je gramatikaj, leksikaj kaj vortfaradaj variantoj. Kaj tio ne estas hazardo: li tutan tempon "fingrumis" lingvo-elementojn, klopodante atingi la plej oportunajn, necesajn, perfektajn. Samtempe, lian alproksimiĝon al la selektado de materialo kaj elementoj influis baroko - movado en arto kaj literaturo de la fina 16-a kaj 17-a jarcentoj. En la sintezo de diversaj elementoj de la slavaj lingvoj reflektiĝis karakteriza baroka tendenco al diverseco, uzo de diversaj fontoj, tendenco al iu mallerteco (vidu: Daničić 1871:159-198 ; Marković 1876; Škerović 1936; Kuznecov 1987; Duličenko 1989:71-90; kaj al.) Tamen, kiel prave konsideris la plej granda slavisto de la dua duono de 19-a kaj frua 20-a jarcentoj, akademiano Vatroslav Jagić, ke "la gramatiko de Križanić atestas pri granda akreco de menso" (Jagić

1917). Pola slavisto Alexandr Bruckner nomis la tutslavan lingvon de Križanić "ekstreme granda eksperimento en la historio de lingvistiko" (Bruckner 1887:22). Križanić mem kondutis kritike al sia laboro, sed li estis certa en unu afero: "Glacio de malfacilo" - li skribis – "estos detruita por tiuj laboremuloj, kiuj venos post mi", kaj tie, kie troviĝas neglektoj aŭ mankoj, la posteuloj povas "kaj aldoni, kaj ripari" (Duličenko 1987: 71-90).

La tutslava lingvo de Križanić reprezentas aposterioran lingvosistemon, kiu ne plene koincidas kun ajna slava lingvo, inkluzive de la eklezia slava. En la estonteco iros la saman vojon ankaŭ sekvaj konstruantoj de projektoj de la tutslava aŭ interslava lingvo. Jen specimeno de la tutslava lingvo de Križanić (pro teknikaj kialoj ĝi ne reflektas la supersignojn):

| Teksto de Križanić | Traduko en la rusan lingvon | Traduko en Esperanton |
|---|---|---|
| *Iazika sowerszenost iest samo potrebno orudie k' mudrosti, i iedwa ne stanowito iee zname. Czim kiy narod imaet izradneyi iazik, tim prigodnee i witwornee razprawlyaet remestwa i wsakije umitelyi, i promisli. Obilie besedi, i legota izgowora, mnogo pomagaet na mudrich sowetow izobretenie, i na wsakich mirnich i ratnich del leznee obwerszenie.* | 'Совершенство языка — самое необходимое орудие мудрости и едва ли не главный ее признак. Чем лучше язык какого-либо народа, тем успешнее и удачнее занимается он ремеслами и разными искусствами и промыслами. Обилие слов и легкость произношения очень помогают созданию мудрых планов и более удачному осуществлению разных мирных и ратных дел'. | Suvereneco de la lingvo estas la plej necesa armilo de la saĝeco kaj ĝia preskaŭ plej grava karakterizaĵo. Ju pli bone ordigitan lingvon havas iu nacio, despli sukcese kaj lerte ĝi okupiĝas pri metioj kaj diversaj artoj kaj komercoj. Riĉeco de vortoj kaj facileco de esprimado multe helpas al ellaboro de saĝaj planoj kaj al pli sukcesa okazigo de aferoj pacaj kaj militaj. |

La ideo de interslava lingvo, kiu kunigus slavajn popolojn kulture kaj lingve, akompanas la tutan slavan historion. Ĝia utopismo fariĝas pli kaj pli evidenta rilate al tio, kiom propraj literaturaj lingvoj de la slavaj popoloj plifortiĝas en ĉiuj sferoj de la vivo kaj pliboniĝas strukture. Kaj tio okazas ĉe la granda plimulto da ili ĉefe en la 19-a jarcento. En la tempo de Križanić, tia lingvo kiel tutslava ne povis esti konsiderata kiel absoluta utopio: intencita unuavice por literatura kaj skriba komunikado, ĝi povintus esti uzata sammaniere kiel aliaj, ofte fremdaj literaturaj kaj skribaj lingvoj (ekz. la Latina kaj simile), aparte de la vivanta parola komunikado. En la 19-a jarcento, slavisto A. Budilović kredis ke la tutslava lingvo de Križanić povus esti uzata en Kroatio kaj en la sama maniero en Serbio, kie tiutempe funkciis kiel literatura skriba lingvo la t.n. rusa-slava lingvo - sintezo de elementoj rusaj, eklezi-slavaj kaj serbaj (Budilović 1892: 318).

*5. Ideo de la slava reciprokeco kaj de la tutslava lingvo en la 19-a jarcento*

En la 19-a jc., la ideo de slava reciprokeco trovis ankoraŭ pli grandan disvastiĝon kaj dume akiradis pli grandan signifon ne nur en la orientslavaj landoj, sed ankaŭ inter okcidentaj kaj sudaj slavoj. En tiu jarcento, sudslavaj kaj okcidenstlavaj popoloj tra-

vivadis aron da gravaj politikaj kaj kulturaj eventoj, inter kiuj speciala loko estis okupita de la movado por nacia reviviĝo. Unu el la plej gravaj temoj de tiu movado estis krei literaturajn lingvojn bazitajn sur la popolaj fontoj. Ĉe la serboj faris tiun laboron Vuk S. Karadžić (1787-1864), ĉe kroatoj Ljudevit Gaj (1809-1872), ĉe slovakoj Ľudovít Štúr (1815-1856) kaj aliaj. Tamen, la novaj ideoj ne tuj trabatalis sian vojon. Ofte la diskutado pri la fundamento de la nacia literatura lingvo iris trans la kadro de naciaj temoj kaj inkludis la slavan ideon. En la spirito de la lingva unueco agadis pola leksikografo Samuel Bogumil Linde, ellaborinte projekton de la tutslava (ĝeneralsalva) lingvo (vidu Lewaszkiewicz 1980).

Inter sudaj slavoj, la ideo de lingva, literatura kaj politika unuiĝo estis ege grava. Kiel ĝenerala lingvo ofertiĝis aŭ fandado de ĉiuj sudslavaj lingvoj en unu, aŭ ilia konverĝo (pli ekzakte alproksimiĝo) surbaze de la serbo-kroata lingvo. Kaj tie estas rimarkindaj provoj krei la t. n. iliran lingvon, siaspece ununuran sudslavan lingvon por la kroatoj, slovenoj kaj serboj. Populara estis en la 30-aj ĝis 40-aj jaroj de la 19-a jarcento inter sudslavaj popoloj (speciale inter kroatoj kaj slovenoj) la *iliria movado*, t. e. sociopolitika kaj kultura movado, kies ĉefa celo estis krei "Grandan Ilirion", kosiderante, ke la nunaj sudaj slavoj estas supozeble posteuloj de la iliroj - la populacio de praa Ilirio. La esenco de la ilira sociolingvistika strategio estis la sekva: ĉiuj sudslavaj popoloj reprezentas certan etnan unuecon, kies disvolviĝanta lingvo devus esti laŭpaŝa konverĝo de vortprovizo kaj gramatiko, fine rezultanta en ununuran iliran lingvon. En la realeco, kiel bazo de tia lingvo estis opiniata la serbo-kroata lingvo, t. e. la lingvoj de serboj kaj kroatoj, dum la slovena restadis iom sur la periferio. Tiu ĉi tipo de lingvokonstruado estis limigita al sudslavaj lingvoj, kvankam estis krome antaŭvidata kompletigo de aliaj slavaj lingvoj, precipe la rusa.

De tie malfermiĝis sekva etapo al kreo de la tutslava lingvo. En propagandema maniero kaj teorie, la ideon defendis multaj aktivuloj de la slovena kaj kroata kulturo, komencante per Stanko Vraz kaj finante per liaj posteuloj. Tiel, en la meza 19-a jarcento en Zagrebo, subtenanto de la ideo de tutslava lingvo Radoslav Razlag eldonadis la revuon "Zorja", en kiu pridiskutiĝis la demando pri bazoj de tia lingvo, kaj Božidar Rajić eĉ eldonis verkon "Enkonduko al la tutslava gramatiko". Samtempe aperis proponoj kaj projektoj, prenantaj kiel bazon ajnan de la ekzistantaj slavaj lingvoj (vidu sube). Serbo A. Orešković eĉ proponis krei organizaĵon "Slava Unio", kies gvidanto estus la rusa caro. En la 19-a jarcento ekestis la unuaj slavaj asocioj (kaj kluboj), verdire, unue sub la influo de "rusofilio" – simpatio al ĉio rusa kaj strebo kuniĝi ĉirkaŭ la rusa ŝtato. Tia estis la "Rusa-pola societo" en Vilno, asocio "Slava falko", filio de la "Unuiĝintaj slavoj" en Kievo (1818), filio "Kompatindaj slavoj" (1819) k.a.. Kontraŭ la caro estis fokusita kompanio "Kamaradaro de ŝatantoj de slaveco" en Lvivo (1821-1826), kiu starigis al si la celon konservi kaj publikigi slavajn literaturajn dokumentojn, konatiĝi kun literaturo kaj historio de aliaj slavoj, (re)starigi ligojn inter ili kaj simile. "Asocio de unuiĝintaj slavoj" (Общество соединенных славян, 1823), iniciita de la fratoj Andreo kaj Petro Borisov en Novgorodo-Volynsk, havis kiel celon "tutslavan revolucian unuigon" en unu

republikon, kie ĉiu slava nacio havus sian propran konstitucion kaj kie respektiĝus sociaj rajtoj. En la evoluo de tuslava ideo ludis signifan rolon *slavaj kongresoj*. La unua kongreso okazis en 1848 en Prago, organizita de ĉeĥa burĝaro kun la celo organizi nacian movadon de la slavaj popoloj ene de la Aŭstra Imperio. Pozitiva aspekto de la Kongreso estis proklamo de "Manifesto por la eŭropaj popoloj", kiu kondamnis nacian subpremadon, esprimis postulon de egaleco de ĉiuj antaŭ la leĝo; ĝi proponis la ideon de kunlaboro de egalrajtaj popoloj. Tiuj postuloj envicigas la slavan kongreson de 1848 en la nombron de gravaj okazaĵoj en la slava kaj eŭropa historio. Ne malplie, partoprenantoj de la kongreso adoptis aŭstroslavisman pozicion, kiu signifis apogon de la Habsburga monarkio (slavaj popoloj devus resti parto de Aŭstrio). La kongreso ne kompletigis sian laboron, ĉar ĝin interrompis ribelo.

En 1867 en Moskvo, antaŭ la malfermo de "Etnografia ekspozicio" kun la celo montri la similecon de kutimoj kaj tradicioj de slavaj popoloj, estis okazigita la sekva slava kongreso. Tiu konatigis rusan publikon kun la slava problemo kaj vekis simpation por la slavoj ĉe diversaj sociaj tavoloj de la lando. Post la kongreso kreskis simpatio de Rusio por la slavoj de Aŭstrio-Hungario kaj tiu de la slavoj en Aŭstrio-Hungario por Rusio kaj la rusa lingvo; estis pliigita helpo de slavaj komitatoj kaj asocioj de Rusio al slavaj naciaj societoj kaj individuaj slavaj aktivuloj eksterlande (sendado de literaturo, periodaĵoj, materia helpo en trejnado kaj tiel plu). La ideo de slava reciprokeco konsiderinde disvastiĝis inter ĉiuj slavaj popoloj.

*5.1. Ján Kollár kaj literatura reciprokeco de la slavoj*

En 1826, slovako Ján Herkel' publikigis latinlingvan libron, kiu prilaboris lian projekton de *lingua slavica universalis,* “universala slava lingvo”. En la alfabeton, bazitan sur la latina skribo, estis transprenitaj kelkaj kirilaj literoj pro esprimo de sibilantaj konsonantoj. La aŭtoro provis fari sian lingvon "transparenta", t. e. komprenebla al la slavoj, kiel montras la sekva frazo en tiu "universala slava lingvo": *Za starego vieku byla jedna kralica, koja mala tri prelepije dievice: milicu, krasicu a mudricu ...* Estas esenca, ke Herkel' kredis, ke lia lingvo devus esti "komuna organo de slavaj literaturoj" (Herkel' 1826).

Evidente, ĉi tiu ideo ne restis nerimarkita. Ĝi reflektiĝis en la imago de slava unueco, kiun esprimis kaj defendis Ján Kollár (1793-1852), slovaka poeto de la erao de la Slovaka Nacia Reviviĝo, filozofo kaj teologo. Li subtenis la ideon de literatura reciprokeco de la slavoj – al li apartenas ankaŭ la termino de literatura reciprokeco, kiun li kutime uzis, en la formo "slava reciprokeco" - slovake *slovanská vzájomnost* kaj en la ĉeĥa *slovanská vzájemnost*. En 1824, en la poemo "Sláwy dcera" (Filino de slavo, la titolo kaj fragmento prezentiĝas en la malnova slovaka skribmaniero; Kollár 1852: neniu paĝoindiko), li laŭdis la unuecon de la slava tribo, kaj ĝi parolis pri la neceso de spirita unueco de ĉiuj slavoj: "*Co jsi ty*? *Rus*; *co ty*? *Serb; co ty*? *Čech*; *co ty? jat' Polak iestem; Dítky moje: swornost! Nechte to, mluwte Slawjan." (Kio estas vi? Ruso; kio vi?*

*Serbo, kio vi? Ĉeĥo; kio vi? Mi estas polo; Infanoj miaj: konkordon! Lasu tion, parolu slave.)*

Kvazaŭ por konfirmi la unuecon de slava gento, Kollár provas klarigi la originon de la makroetnonimo "slavoj" de la vorto *sláva* (en la originalo *Sława*) 'gloro'. Al tiu temo li dediĉis tutan libron, eldonitan en 1839 (Kollár 1839). Kollár skribis pri slava reciprokeco unuafoje en la libro "Rezonado pri nomoj, originoj kaj antikvaĵoj de la slava popolo kaj ĝiaj radikoj" (1831), kaj pli detale en la artikolo "Rezonado pri literatura reciprokeco" (1831): *"Se ni, la slavoj, volas havi nacian literaturon kaj kleriĝon, tiukaze inter ni devas ĉesi ekzisti la nun ekzistanta memstareco kaj egoismo, en ilian lokon devas veni nacia reciprokeco < ... > - ne estas politika, sed literatura ligo inter ĉiuj kvar gravaj slavaj radikoj (nacioj); dum ĉiu slava radiko (nacio) restus ĉe sia dialekto (lingvo), ĝi ankaŭ konus, aĉetus kaj legus librojn kaj literaturon de aliaj slavaj popoloj <... >. Politike povas kaj devus slavoj distingiĝi < ... > , sed necesas havi unuecan literaturon, se ili deziras ne spirite vegeti kiel ĝis nun, sed flori kaj alporti ankaŭ fruktojn al sia nacio, kio postulas respondecon de granda nacio."* (eld: Kollár 1929). Tiel, kontraste al Jurij Križanić, Kollár komprenis slavan reciprokecon ne kiel politikan unuiĝon, sed unuavice kiel literaturan (spiritan) union de la slavoj surbaze de "kvar ĉefaj dialektoj" – rusa, "ilira" (aŭ "iliria"), t. e. serbo-kroata, pola kaj "ĉeĥoslovaka", t. e. ĉeĥa. Estis proponata literatura agado en tiuj "dialektoj", en la sekva paŝo oni devus lerni la "malgravajn" lingvojn, t. e. ukrainan, slovenan, bulgaran, soraban kaj aliajn. La sciencistoj kaj precipe lingvistoj devus koni ĉiujn slavajn lingvojn.

Por atingi literaturan reciprokecon, kaj por ke ĉiu slavo fiere povu diri "slavus sum, nihil slavici a me alienum esse puto" ("Mi estas slavo, nenio slava estas fremda al mi"), Kollár opiniis necesa organizi internacian merkaton de slavaj libroj, interŝanĝon de publikaĵoj, starigon de la slavaj (kaj slavismaj) fakaroj en universitatoj, eldonadon de komuna slava antologio kaj ĵurnalo, de vortaroj kaj gramatikoj, de naciaj materialoj inklude de parolaj popolaj kreaĵoj. Parenteze, preskaŭ ĉio tio poste estis diversgrade realigita. En la lingva senco, laŭ Kollár, el la slavaj dialektoj (lingvoj) oni devus forigi fremdlingvajn pruntaĵojn, unuigi gramatikan derivadan funkcion de iuj de ili, plibonigi ortografiajn sistemojn k. a..

La ideo de literatura reciprokeco de slavoj havis progreseman signifon por tiu tempo kaj por la proksimaj jardekoj de la 19-a kaj 20-a jarcentoj. Racia estis en ĝi la strebo de Kollár unuigi la slavojn spirite surbaze de lernado de slavaj lingvoj, interŝanĝo de libroj, ktp.. Utopiaĵo ŝajnas por tiu tempo kaj por estontaj generacioj la antaŭkondiĉo, laŭ kiu estis necesa lerni kvar slavajn lingvojn kaj poste ĉiujn aliajn (kio, kompreneble, estas malfacila ne nur por la edukita persono); apenaŭ eĉ nacioj, kiuj parolas "minoritatajn" lingvojn, konsentus kun tia ilia rolo. La ideo de literatura reciprokeco de Kollár inspiris multajn slavajn gvidantojn en la Ĉeĥa Respubliko kaj en aliaj slavaj landoj. Jam en 1845, la verkoj de Kollár estis tradukitaj en la serban kaj poste en aliajn slavajn lingvojn.

*5.2. Matija Majar, lia rigardo al la problemo de slava reciprokeco kaj lia projekto de "reciproka lingvo"*

Matija Majar (1809–1892) estis slovena pastro, unu el la ĉefaj figuroj de la kultura historio de slovenoj kaj de la slovena nacia reviviĝo, aŭtoro de pluraj verkoj pri slava reciprokeco. Liaj opinioj pri slava reciprokeco estas esprimataj en du ideoj:

1. La ideo de "sudslava lingvo", ankaŭ nomita "ilira";
2. La ideo de kultura unueco de slavaro surbaze de tutslava lingvo.

La projekto de ilira lingvo estis ĵus menciita supre. Tie ĉi ni aldonu, ke Majar estis unu el la ardaj subtenantoj de tiu ideo, li pledis por proksimigo inter la lingvoj slovena, kroata, serba kaj bulgara, tiel ke tio finfine gvidu al la komuna lingvo, per kies helpo, kiel li kredis, la sudslavaj popoloj povus unuiĝi kaj rezisti al la fremda premo kaj influo. Krome, la lingvistika "ilira" ideo, laŭ Majar, kaŭzus disvolviĝon de la slavaj kulturo kaj scienco. En sia "gramatiko por slovenoj" (Slovnica za Slovence) li artefarite proksimigis formojn de konjugacio kaj deklinacio de la slovena lingvo kun tiuj de la serba, la kroata kaj la bulgara lingvoj. En 1848, en la artikolo "Ilira-slava lingvo" li skribis, ke por krei tian lingvon necesas uzi slovenajn formojn nur ĉe ok okazoj, ekzemple: konjunkcio *i* (kiel en la serbokroata), anstataŭ *in* (kiel en la slovena), respektive la prepozicion *u* anstataŭ *v* kaj simile. En kelkaj postaj studoj Majar argumentis, ke necesas alproksimigi sistemojn de ortografio, gramatikajn elementojn kaj vortojn de sudslavaj lingvoj, pro kio en ĉiu el tiuj lingvoj bezonatas fari taŭgajn plibonigojn.

Tiurilate signifa verko, en kiu estis teorie pravigitaj la principoj kaj estis donitaj praktikaj konsiloj pri alproksimigo kaj eĉ fandado de la sudslavaj lingvoj, estis liaj "Reguloj, kiel formi iliran dialekton kaj ĝenerale slavan lingvon" (1848). De la ideo de "literatura sudslava lingvo" Majar venas al la penso de neceso krei la tutslavan lingvon, kiun li konceptis en malsamaj manieroj. Do, en la libro "Reguloj, kiel formi iliran dialekton kaj ĝenerale slavan lingvon", bazita sur la ideoj de Ján Kollár kaj Stanko Vraz, li skribis ke anstataŭ "14-16 lingvoj" por slavoj postulendas unu literatura lingvo. Veras, ke tia komuna literatura lingvo ŝajnis al li, krom Slavono, kiel "la kvar ĉefaj dialektoj" - ĉeĥa, pola, ilira (= serbokroata kaj slovena) kaj rusa. Ĉiujn dialektojn li dividas en subdialektojn, kiujn li nomas per la temino "langoj" (slovene *jezikiči*) kreita de li mem; ekzemple iliran dialekton li dividas en slovenan, kroatan, serban kaj bulgaran subdialektojn. Necesas, ke subdialektoj alproksimiĝu al dialektoj kaj en la fino ili devas formi komunan slavan lingvon. Tiamaniere, la kreo de komuna slava lingvo antaŭvidis laŭpaŝan konverĝon de gramatikaj, leksikaj kaj aliaj elementoj de ĉiuj slavaj lingvoj.

Verŝajne rimarkante nerealismon en praktiko de tiu maniero, Majar en la jaroj 1863-1865 aperigis projekton proponantan krei tutslavan lingvon artefarite, prenante en konsideron ĝeneralajn kaj plej karakterizajn elementojn de la slavaj lingvoj. Li nomas tian lingvon *узаjемнi jезiк/ uzajemni jezik* (komuna/reciproka lingvo), foje aldonante la karakterizon "slava". Laŭ la lingvonimo oni povas diveni, ke Majar proponis uzi du skribsistemojn - kirilan kaj latinan. Ĉi tio reflektiĝis en la titolo de la ĉefa libro de Ma-

jar: "Узајемні правопіс славјанскі, to je: uzajemna slovnica ali mluvnica slavjanska", t. e. "Reciproka slava ortografio, nome reciproka slava gramatiko" (Majar 1863-1865). La libro konsistas el pluraj partoj pri: la slava lingvo ĝenerale, skribo kaj ortografio, morfologio kaj sintakso, leksiko. En la gramatika rilato, Majar estis gvidata per la principo de "komuneco" de formoj kaj per la principo de ilia "praveco", komparante ĉion kun la formoj de praslavaj kaj vivantaj slavaj lingvoj. Ni montras tion pere de ekzemplo de paradigmo de prezenca konjugacio de la verbo "porti":

| persono | Praslava lingvo | "Reciproka lingvo" de Majar |
|---|---|---|
| Singularo 1.<br>2.<br>3. | *nes-ô*<br>*nes-eš-i*<br>*nes-etъ* | *нес-у ; нес-ем*<br>*нес-еш*<br>*нес-ет ; нес-е* |
| Dualo 1.<br>2.<br>3. | *nes-evě*<br>*nes-eta*<br>*nes-ete* | *нес-ева ; нес-еве*<br>*нес-ета ; нес-ете*<br>*нес-ета ; нес-ете* |
| Pluralo 1.<br>2.<br>3. | *nes-emъ*<br>*nes-ete*<br>*nes-ôtъ* | *нес-емо*<br>*нес-ете*<br>*нес-ут ; несу* |

En la futuro interplektiĝas du tendencoj: konservi la praslavajn - malnovavslavajn aspekto-formojn kaj samtempe esprimi ĝian novan staton por iuj personoj: la unua tendenco korespondas al la fakto de disponebleco de dualo kaj ĉiuj ĝiaj formoj (konservita nur en la lingvoj slovena kaj soraba) kaj ankaŭ de formoj de la dua persono de pluralo. La duan tendencon reflektas la unua kaj la tria persono de singularo, kie aperas, agorde kun la malnovaj fleksioj - rektaj posteuloj de la praslavaj fleksioj (*-у* [u], respektive *-ет*) - kaj novaj formoj *-ем* kaj *-е,* respektive por la unua kaj tria personoj (por kontrolo servas la stato en la lingvoj serbo-kroata, slovena, same en la pola kaj la 3-a persono ankaŭ en la ĉeĥa); l-a pers. pl. *-емо* kaj 3-a pers. pl., por kiu Majar rekomendas uzi kaj la malnovan, kaj la novan fleksion laŭ elekto, t. e. *-ут* [ut](el la praslava *-ôtъ*) kiel en Slavono kaj en la rusa, kaj *-у*[u] kiel en la serbokroata, slovena, ĉeĥa kaj pola. Kiel ni vidas, por Majar la komparo de slavaj lingvoj montriĝis necesa kiel metodo por selekti tiujn elementojn kaj formojn, kiuj posedus ĝenerale slavan karakteron aŭ reflektus la staton de la plimulto de slavaj lingvoj – ĉio tio por ke la "reciproka slava lingvo" ja estu "reciproka" (komuna) kaj sen ajnaj malfacilaĵoj de disvastiĝo inter ĉiuj slavoj.

Majar uzis komparadon kiel teknikan manieron por konstrui slavan lingvan perspektivon, kvankam utopian eĉ por lia epoko. Estas grave noti, ke la bildo de la hipoteza futura slava lingva unueco kiel "reciproka slava lingvo" ĉe Majar estis formita kaj subtenata per konscio de lingva unueco de la pasinteco - malnovslava kaj kompreneble praslava. Se eblas rekonstrui la lingvan pasintecon (kion faras la kompara historia gramatiko de la slavaj lingvoj, komencante per la laboro de sloveno Franjo Miklošić en la mezo de la 19-a jarcento), la venonta unueca lingva estonteco de la slavoj devus esti

konstruita. Krom selekti elementojn kaj formojn de la slavaj lingvoj, Majar ankaŭ okupiĝis per la kreo de artefaritaj elementoj. Li intuicie aplikis en tiu laboro kelkajn el la principoj de interlingvistika aposteriorado. Jen eta specimeno de la "reciproka slava lingvo" de Majar: *То сем дал својему отчіму і твојеј мачіхе; он льубі својего пасінка і твоју внучку. (Tion mi donis al mia duonpatro kaj al via duonpatrino; li ŝatas sian duonfilon kaj vian nepinon.)*

Por propagandi sian "reciprokan lingvon", Majar eldonadis en la jaroj 1873-1875 specialan revuon nomitan *Slavjan* ('slavo'). En ĝin li metis artikolojn skribitajn en la kirila kaj latina alfabeto en la "reciproka slava lingvo", en la denaska slovena, rusa kaj aliaj lingvoj. Iĝinte kulaboranto de la rusa "Imperia asocio de ŝatantoj de naturscienco, antropologio kaj etnografio" (Императорское общество любителей естествознания, антропологии и этнографии) kaj aktiva membro de la "Asocio de ŝatantoj de la rusa literaturo ĉe la Imperia Moskva Universitato" (Общество любителей российской словесности при Императорском Московском университете), Majar ne ĉesis promocii sian lingvon. Li nomis sian lingvoprojekton "reciproka slava lingvo", kio plene korespondas al la indiko de la ideo de slava reciprokeco. Ĝi estas la sola tia precedenco en la historio de slava interlingvistiko. Majar havis posteulojn inter la sudaj slavoj, sed lia laboro estis vaste konata eĉ ekster la sudslavaj landoj.

La tutslavaj ideoj de Majar estis utopiaj, ĉar la formado kaj disvolviĝo de ĉiuj literaturaj lingvoj de la sudaj slavoj (escepte de la makedona) en tiu tempo jam estis akirantaj forton. Nome en la 70-aj jaroj de la 19-a jarcento, kiam la normo de la slovena literatura lingvo, denaska de Majar, esence estis stabiligita, komencis disvolviĝi la unueca slovena literaturlingva procezo. Tiu procezo mem okazis ne sendolore. Projektoj de Majar eĉ reflektis momentojn de krizo en la historio de formado kaj de la slovena kaj de aliaj sudslavaj literaturaj lingvoj (Duličenko 2007: 13-27; Duličenko 1992: 431-444).

### *6. Etnolingvo kiel tutslava (interslava) komunikilo*

Por la rolo de transetna (aŭ: intereetna) komunikilo dum la pasintaj pli ol du jarcentoj estis prezentitaj diversaj lingvoj: kaj tiuj elirintaj el aktiva uzo, sed ludintaj signifan rolon en la kultura evoluo de la mondo, kaj tiuj efektive funkciantaj. Interlingvistiko pristudas ankaŭ tiun ĉi manieron solvi la problemon de internacia lingva komunikado. En Eŭropo, por tiu ĉi rolo en diversaj tempoj estis elektita la Latina, krome eŭropaj lingvoj kiel la Franca, la Germana, kaj ekde la lasta jarcento ĝis niaj tagoj - la Angla. En slava interlingvistiko, tiu ĉi flanko de la problemo estis ankaŭ diskutata dum multaj jardekoj jam en la 19-a jarcento. Por la rolo de tutslava lingvo ofertiĝis pluraj slavaj lingvoj. La plej grava reprezentanto de la ĉeĥa nacia reviviĝo *Josef Jungmann* (1773-1847) ĉe la komenco de sia aktiveco forte pledis pri neceso de unu komuna slava lingvo: *"Mi estas sincera ĉeĥo kaj mi amas mian popolon, sed mi estas preta oferi eĉ la Ĉeĥan por la slava literatura lingvo, ĉar mi bone scias ke, en kiu ajn dialekto ni skribus, ni ĉiam ankoraŭ restas slavoj"* (Bělič 1974:128). Tamen, Jungmann ne nomis iun specifan slavan lingvon, kiu, en lia opinio, povus servi kiel tutslava. Verdire, li kredis ke

"slavaj dialektoj iam kunfandiĝos" kaj tiam "ni de la rusoj, kaj ankaŭ ĝi [la rusa lingvo] de ni transprenos altnivelan lingvon." Aktivulo de la slovaka reviviĝo Martin Hattala (1821-1903), apogante la ideon de la literatura reciprokeco de J. Kollár, estis kontraŭ la artefarita kreo de tutslava lingvo, kaj por tiu rolo li antaŭvidis la serbokroatan lingvon kiel "la plej belan el la slavaj lingvoj". Samtempe, iuj el liaj samlandanoj vidis en la rolo de tutslava la rusan lingvon (Karol Kuzmány, Michal Hodža kaj al.).

Unu el la gvidantoj de la slovaka reviviĝo *Ľudovít Štúr* (1815-1856) en sia libro "Slavoj kaj la mondo de estonteco" skribis: "*En la demando pri la komunslava literatura lingvo povas ekzisti elekto nur inter la malnovslava (eklezia slava), kaj la rusa lingvoj. Sed la malnovslava estas jam ekster uzo, preskaŭ mortinta, mankas fleksebleco kaj ekscito de la vivanta lingvo, kaj ni bezonas vivantan vorton. Restas do nur la rusa lingvo kiel ekskluzive taŭga por tio, ĉar ĝi estas la lingvo tre granda, de la sola memstara kaj sur vasta teritorio reganta slava tribo < ... > Plie, el ĉiuj slavaj lingvoj ĝi estas la plej riĉa, forta kaj belsona, markita per povo. La serba lingvo, laŭ tiuj kvalitoj, troviĝas sur la dua loko. Per tio ni ne volas tamen diri, ke post la adopto de la komunslava literatura lingvo oni ne plu ion skribu en unuopaj dialektoj, precipe [oni skribu] poeziajn verkojn*" (Štúr 1867:188).

En la 19-a jarcento, slovenoj estis aparte aktivaj en la diskuto pri la kvalitoj de tiu aŭ alia slava lingvo por fari ĝin tutslava komunikilo. Oroslav Caf, kiu mem laboris sur projekto de tutslava lingvo, adresiĝis al la partoprenantoj de la slava kongreso en Prago en 1848 kaj petis ilin elekti "ajnan slavan dialekton" en la tutslavan rolon. En 1849 I. Poklukar skribis, ke la rolon de tutslava lingvo povus plenumi la serba lingvo. En 1849-1851 Peter Hicinger proponis kiel tutslavan preni Slavonon, ĉar ĝi, en lia opinio, ne nur ne pereis, sed ankaŭ retenis "ĉiun radikojn kaj ĉiujn formojn" proprajn al multaj slavaj lingvoj. Kiel unuan paŝon al Slavono en la rolo de tutslava lingvo, Hicinger rekomendis lerni la kirilan alfabeton. Hicinger tamen poste forlasis la ideon kaj esprimiĝis pri rekono de la rusa kiel tutslava lingvo. Andrej Blaivais (1851) insistis akcepti en tiu rolo la eklezian slavan lingvon. Sub la influo de simpatio al Rusio ("rusofilio"), en Slovenio populariĝis la ideo pri la rusa kiel tutslava lingvo. Tiel, Fran Celestin kaj Fran Podgornik kredis, ke la rusa pleje taŭgas por kulturaj tavoloj de la loĝantaro kaj por uzo en scienco kaj en literaturo. Tiu opinio estis apogata ankaŭ de iuj aliaj gvidantoj de la slovena klerigo. En la rolon de tutslava lingvo estis proponita ankaŭ slovena lingvo, tamen, jam komence de la 20-a jarcento, kiel raportite de la viena gazeto "Slava jarcento", sur kies paĝoj tiutempe okazis sufiĉe ekscitita debato lige kun la eblaj manieroj solvi la problemon de tutslava komunikilo. Rusofilaj ideoj estis fortaj ankaŭ en Serbio. Tiel, A. Orešković rekomendis la kreadon de "Slava Unio" sub la gvidado de Rusio. Kio koncernis la lingvon de la Unio, ĝi povintus esti la rusa. Tiu ideo estis ankaŭ apogata de M. Polit-Desančić, partopreninto de la slava kongreso en 1867 en Moskvo. Parolante pri la granda rolo de Rusio en la oriento kaj inter la slavoj, la aŭtoro proponis kiel komunan slavan lingvon la rusan lingvon, sed samtempe li precizigis: ĝia uzado ĉe aliaj slavoj devus esti limigita al scienco. Serba rusofilio postvivis ĝis la 20-a jarcento.

En 1901, membro de la Serba Akademio de Sciencoj *Ljubomir Stojanović* en la artikolo "Slava komuna lingvo", publikigita en serba lingvo en la viena gazeto "Slava jarcento", skribis ke la slavoj, por rezisti la germanojn, estu "sub la protektorato de Rusio". Respondante al rusa slavisto V. I. Lamanskij, kiu rekomendis la adopton de la rusa lingvo ankaŭ kiel la komuna lingvo de ĉiuj slavoj, Stojanović skribis, ke por la disvastigo de la rusa lingvo inter slavoj oni devas fari multajn praktikajn paŝojn: En Rusio ne estas organizaĵo, kiu okupiĝus pri disvastigo kaj propagado de la rusa lingvo en la mondo (kiel oni faris en Francio por propagandi la francan lingvon); bezonatas unuavice eldonado de rusaj libroj por slavoj: gramatiko, krestomatio, libroj sciencaj kaj instrulibroj, periodaĵoj, necesas plivastigi la merkaton kun libroj ktp. (Stojanović 1901: 2–12). Notinda estas ankaŭ la debato kiu ekbrulis sur la paĝoj de la serba gazeto "Slava penso" en 1940 lige kun aperigo de projekto de artefarita lingvo "Sveslav" (Vseslav) de Ĉ. Djordjević. Kritikistoj de la projekto malakceptis la ideon de artefariteco de la interslava lingvo. Iuj el ili subtenis la ideon, ke elektiĝu la serbo-kroata lingvo, dum aliaj kredis ke "la plej praktika solvo estas la elekto de la rusa lingvo en la rolon de tutslava".

En Rusio ne ekzistis unusenca opinio koncerne la rolon de la rusa lingvo kiel supozata komuna de ĉiuj slavoj. Ĉefe, ĉi ideo allogis la panslavistojn, kiuj rekomendis unuiĝon de la slavoj sub la egido de Rusio (panslavismo kiel ideologia tendenco estis tipa por la malfrua 19-a kaj komenca 20-a jarcentoj). La plej grandaj reprezentantoj de panslavismo estis aparte sentemaj, kiam ilin atingis la informo, ke inter la sudaj kaj okcidentaj slavoj de tempo al tempo prezentiĝas proponoj por la rusa kiel tutslava lingvo almenaŭ en la kampoj de kulturo kaj scienco. Estas evidenta, ke en la rusaj periodaĵoj kaj sciencaj verkoj de la dua duono de la 19-a jarcento, la demando de la tutslava lingvo-rimedo diskutiĝis tre aktive, dum la plimulto de la aŭtoroj rekomendis por tiu rolo la rusan lingvon, ili diversmaniere akcentadis ĝiajn estontajn funkciojn inter la slavaj popoloj: kiel "unueca komunslava lingvo", "unueca diplomatia lingvo de la slavoj", "komuna literatura lingvo de la slavoj" , "la internacia lingvo de la slavoj", "internacia scienca lingvo de la slavoj", "internacia lingvo de la scienco", "unueca komuna literatura kaj diplomatia lingvo" ktp..

Historiisto *M. P. Pogodin* (1800-1875) skribis en 1839, post sia reveno el la vojaĝo tra slavaj landoj, ke la rusa lingvo "per si mem, sen iaj perfortaj rimedoj, pli aŭ malpli frue fariĝos komuna slava literatura lingvo". Por helpi tion, li proponis fari kelkajn praktikajn paŝojn: publikigi komparan gramatikon kaj vortarojn de slavaj lingvoj, kolektojn de popolkantoj, proverboj kaj diraĵoj, slavan antologion, skribi la historion kaj geografion de la slavaj ŝtatoj kaj, fine, organizi eldonadon de la tutslava revuo.

En rusofilaj rondoj aparte aktivis historiisto-slavisto *V. I. Lamanskij* (1833-1914), kiu skribis multajn verkojn pri tiu temo. En sia libro "Serbio kaj sudslavaj provincoj de Aŭstrio (el la notoj pri slavaj landoj)" (1867) li esprimis la ideon, ke ŝajne nur la rusa lingvo povas savi sudajn kaj okcidentajn slavojn de fremdaj influoj, dum li tamen rekonis la bezonon subteni ankaŭ ĉiujn aliajn slavajn lingvojn: *"Ne antaŭvidante por la sudaj slavoj de Aŭstrio ajnan eblon liberiĝi de la spirita subordigo per itala, germana kaj*

*madjara (hungara) klerigo, literaturoj kaj lingvoj, ni estas devigataj montri kiel unuran elireblon el tiu ĉi malĝoja situacio la neceson akcepti la rusan lingvon kiel organon de scienco kaj supera klerigo, kiel lingvon diplomatian, kune kun konservado de ĉiuj dialektoj kaj literaturaj verkoj por lokaj bezonoj"* (Lamanskij 1864:35). Lamanskij krome proponis starigi premion por tiuj kiuj konvinke solvos la problemon "pri la ĝenerala [komuna] literatura lingvo por ĉiuj slavoj". La rusan lingvon kiel la komunan slavan lingvon vidis ankaŭ N. J. Danilevskij (1822-1885), P. A. Kulakovskij (1848-1913) , T. D. Florinskij (1854-1919), kaj A. F. Hilferding (1831- 1872) eĉ disvolvis en 1871 la projekton de komuna slava alfabeto surbaze de la kirila (Hilferding 1871).

Multan laboron surkampe de la studoj pri problemoj de slava interlingvistiko faris slavisto *A. Budilovič* (1846-1908). La pinto de lia esplorado en tiu direkto estis la duvoluma monografio "Komunslava lingvo en la vico de aliaj komunaj lingvoj de malnova kaj nova Eŭropo", precipe ĝia dua volumo dediĉita al komunslava lingvo mem (Budilovič 1892). Ĝenerale, liaj verkoj pri la komuna slava lingvo estis tre ofte eldonataj en la 70-aj jaroj de la 19-a jarcento. La gvida motivo de ĉiuj publikaĵoj estis la sama: la rusa lingvo devus fariĝi la komuna lingvo de ĉiuj slavoj. En la artikolo "Pri literatura unueco de nacioj de la slava tribo" li prezentis kelkajn argumentojn en favoro de la rusa lingvo: ĝi estas "rekta posteulo" de Slavono (en tiu verko nomata "tutslava"), por ĝi la rolo de tutslava lingvo "estas problemo de povo <...>, sed por ĉiuj aliaj slavaj dialektoj kaj naciecoj tio estas problemo de ekzisto"; aliaj naciecoj kaj dialektoj, en kontrasto al la rusa lingvo, "disfalis en fragmentojn"; kio koncernas la provojn fari artefaritan tutslavan lingvon, tiuj estas por Budilovič nur neseriozaj, "infanaj provoj," ktp.. En sia polemika verko titolita "En kiu maniero eblas kaj dezirindas alproksimiĝo de slavoj surbaze de la komuna lingvo?" la aŭtoro pritraktas la teorion de literatura reciprokeco de J. Kollár, la teorion de artefarita kreo de tutslava lingvo (J. Križanić, M. Majar) kaj, fine, teorion de promocio de unu el la oftaj slavaj lingvoj en la rolon de la komuna lingvo. La lasta teorio montriĝas esti por Budilovič la plej perspektiva. Li estas certa ke *"se la unuopaj malgrandaj lingvoj de la slava okcidento kaj sudo ne aliĝas al nia literatura aŭ, pli precize, lingva unio, tiam ili estonte devos pli ol nun tre intime alproksimiĝi al la komunaj lingvoj de okcidenta Eŭropo, precipe al la germana kaj la itala, kaj postiome iĝi iliaj dependaj satelitoj"* (Budilovič 1877:1-15). En la unua volumo de "Komuna slava lingvo <...>" la aŭtoro esploras la situacion en rilato kun la formado de la "komunaj lingvoj" greka, latina, itala, hispana kaj aliaj eŭropaj ne-slavaj lingvoj. Laŭ la logiko de Budilovič, tiu analizo provizas bazon por analogie esplori la slavan mondon, al kiu, kiel ni jam notis, estas dediĉita la dua volumo de la studo. Komence oni parolas pri "dialektaj rilatoj de la slavoj", pri la sorto de Slavono, poste estas observata "disvastiĝo de la serba, ĉeĥa kaj pola lingvoj en la zono de najbaraj slavaj dialektoj", post kio la aŭtoro referencas al la rolo de la rusa lingvo. Esence, la lastaj du ĉapitroj de la monografio estas dediĉitaj al "Prezentiĝo de la rusa lingvo en la rolo de komuna lingvo en la slava oriento" kaj "Teoria ellaboro de la problemo de komunslava lingvo".

Kritikon pri la opinioj de Budilovič prezentis literatursciencisto *A. N. Pypin* (1833-1904), aperiginte sur la paĝoj de la revuo "Heroldo de Eŭropo" ampleksan studon titolitan "Teorio de komunslava lingvo" (Pypin 1892: 762-804, 302-341 ). Utilas nun pli detale rigardi la bazajn principojn kaj eldirojn de Pypin. La komuna lingvo de la grekoj, kredis Pypin, formiĝis sub la influo de diversaj kondiĉoj, kiuj alproksimigis grekajn tribojn: unueca stato, konstanta interago de triboj, grava komuna agado (militoj k. s.), konscio de la komuna deveno, komuna religio kaj nacia vivo, apero de la plej grandaj verkoj de la greka poezio kaj arto ĝenerale, evoluado de klerigo. Esence la samaj kondiĉoj kaj faktoroj influis la latinan kaj multajn novajn eŭropajn ne-slavajn lingvojn. Tamen, *"kolektitaj analogioj el historio de komunaj lingvoj de la malnova kaj nova Eŭropo neaplikeblas al rusa-slava mondo, kiu estas tro dividita geografie, historie, en rilato al religio kaj politiko < ... > Male, la slavaj-rusaj rilatoj devas esti studataj en siaj specialaj kondiĉoj, por kiuj aliaj lingvoj kaj popoloj ne prezentas ekzemplon."* (Pypin 1892: 328 ff .) Budilovič, laŭ Pypin, kvankam li komprenas la esencon de ĉi tiuj kondiĉoj, li ĝenerale ne donas al ili sufiĉan gravecon kaj akrigas la fokuson sur la lingvan aspekton de la problemo. Rimarkinde pli grandan lokon okupas polemiko rilatanta al la komunslava lingvo. Pypin detale prezentis la rezonadon de Budilovič pri tri manieroj solvi la lingvan problemon de la slavoj. Same kiel Budilovič, li konsideras nerealisma praktikan efektivigon de la ideo de literatura reciprokeco kaj de artefarite kreita tutslava lingvo. Tamen, Pypin samtempe konsentas kun la aŭtoro de la verko en kelkaj konkretaj kazoj. Tiel, la ideo de literatura reciprokeco de Ján Kollár ŝajnas al li utopia, ne nur pro tio, ke la reciproka studado de pluraj slavaj lingvoj kaj literaturoj estas preskaŭ neebla; la ideo mem, li skribis, estis naskita ĉe la tagiĝo de "printempo de la slava reviviĝo" kaj "*ideo pri unu komuna lingvo, kiu nun estas neeviteble konsiderata la rusa, estis [tiam] malproksima, interalie pro tio, ĉar lingvoj serba, ĉeĥa kaj pola estis lingvoj de politike neliberaj nacioj, kaj la rusa lingvo estis en tiu tempo ankoraŭ iom malmulte konata, do eĉ la slava enhavrilato de ĝia literaturo estis tre malriĉa*" (p. 794). Pypin nek akceptis la interpretadon de Budilovič pri la projekto de artefarita slava lingvo de J. Križanić surbaze de riĉiĝo kaj plibonigo de la rusa. Budilovič estis konsiderinta la alproksimigon de Križanić "tute konvena" kaj praktike akceptebla; krome, se tiu lingvoprojekto ankoraŭ sukcesus esti enkondukita en la socion, tiam Križanić "devancus Lomonosov[on] je cento da jaroj kaj estus konsiderata fondinto de ne nur la komunrusa, sed ankaŭ de la komunslava klereca lingvo". Pypin kontraŭe kredas, ke Križanić "*ne povis fari tion nur pro tio, ke li ne naskiĝis kiel ruso, sed kiel kroato, kaj krome li ne posedis artistan talenton. Lia propra lingvo suferis je neperfekteco kaj ĝi estis pli grandparte kroata ol rusa"* (p. 797).

Analizante la lingvoprojekton "Uzajemni jezik" (reciproka/komuna lingvo) de M. Majar, Budilović opiniis la proponon de tiu ĉi slovena nacia reviviganto, ke oni konscie sekvu la vojon de konverĝo ("reciprokeco") de slavaj lingvoj, sufiĉe akceptebla. Pypin tamen kontraŭis tion: *"Evoluigo de komuna lingvo < ... > malpli verŝajne dependas de bona volo aŭ eĉ arda sopiro de kelkaj filologoj kaj naciaj subtenantoj, sed esence pli de*

*fundamentaj gvidantaj kondiĉoj de la nacia vivo, de la fortoj politikaj, sociaj kaj klerigaj"* (p. 799-800). Tiamaniere, Budilovič ne ŝajnis esti simpatianto de la ideo de artefarita tutslava lingvo, sed li akceptis certagradan konscian reguladon de slavaj lingvoj en la senco de ilia konverĝo, dum Pypin siavice malakceptis tion. Kaj do restas nekomprenebla, kiel la "fortoj politikaj, sociaj kaj klerigaj" povas kontribui al la evoluigo de komuna lingvo. Pleje multis diferencoj inter Pypin kaj Budilovič rilate al la tria vojo krei tutslavan lingvon, t. e. promocii unu el la vivantaj slavaj lingvoj, kiu en tiu kazo estis la rusa. Pypin okupiĝis pri tiu demando longe antaŭ la monografio de Budilovič, en speciala artikolo "Literatura panslavismo" (1879). En sia kritiko de kelkaj situacioj li alvenas al la argumentoj jam prezentitaj en tiu ĉi artikolo. Budilovič kredis ke precipe la rusa lingvo posedas ĉiujn objektivajn kondiĉojn por fariĝi ligo inter la slavaj popoloj kaj tiel savi la plej malgrandajn de ili de germaniigo kaj aliaj ne-slavaj influoj. La rusa lingvo jam estas komuna inter ĉiuj orientaj slavoj – en nuntempa kompreno inter ukrainoj kaj belorusoj; krome, ĝi ankaŭ unuigas/ integrigas multnombrajn tie vivantajn neslavajn popolojn. Se la sudaj kaj okcidentaj slavoj libervole akceptos la rusan lingvon, ili havos plenan liberecon mem starigi ĝian rolon en *"kampoj de scienca kaj arta literaturo, internaciaj kaj internaj rilatoj, uzado administra kaj lernej-eduka, laŭ propra deziro tian [rolon], kian havu la komuna lingvo"*. Komuna slava lingvo iĝos kontraŭpezo al la germana lingvo kaj al la multjara procezo de germaniigo de fragmentiĝintaj slavaj popoloj. Budilovič instigis samtribanojn forigi la antaŭjuĝojn pri tio, ke la komuna lingvo subpremus aliajn slavajn lingvojn (en lia terminologio «частные языки» - unuopaj/privataj lingvoj). Kontraste, kun la komuna lingvo, la aliaj slavaj lingvoj kreskos eĉ pli sukcese. Li tamen ne klarigas, kial okazos tiel.

Male al Budilovič, Pypin pensis, ke "*la problemo de tutslava lingvo precipe estas, evidente, problemo ne fundamenta, sed duavica. Unuavice prezentiĝas problemo de politika kaj kultura situacio de la triboj mem, kaj poste jam eblus starigi demandon pri lingvo, kiu povus servi en tiu situacio < ... > . [Budilovič] uzas dubindajn historiajn analogiojn kaj rekte konkludas, ke la komuna slava lingvo devas ekzisti kaj ke ĝiaj propagantoj estas la veraj amikoj de slavismo, dum tiuj, kiuj rilatas al tiu lingvo kun duboj aŭ pensoj pri endanĝerigo de memstareco de unuopaj triboj, estas malamikoj de la vera slaveco"*(p. 304). Pypin ne konsentas kun la negativa takso de aktivecoj de reformisto de la serba literatura lingvo Vuk Karadžić, kies kvazaŭ "centrifugaj" paŝoj malfavoris al la "slava-rusa-serba lingvo", kiu tiam ekzistis en Serbio. La kritikisto prave observas, ke surbaze de tiu lingvo, kiel ankaŭ surbaze de la eklezia slava en Rusio, *"vera literaturo neniel povus evoluiĝi <...> kaj pro sia integra nacia kresko ĝi devus malakcepti tiun lingvon <...>. Vuk ludis ĉe la serboj tiun rolon, kiun ĉe ni plenumis Lomonosov, Karamzin, Puŝkin, alproksimigante la lingvon de libroj al vivanta parolo. La "centrifuga" agado, kiu laŭ Budilovič montriĝas malamika al komenco de unuiĝo, estis fakte necesa faktoro de evoluo <...>, kion, esence, montris ankaŭ plua historia evoluo"* (p. 307).

Budilovič ĝojiĝis pri la "tutslava programo" de A. I. Dobrjanskij, deklarita en lia libro "Rigardo al problemo pri komunslava lingvo" en kiu la aŭtoro prezentis la opinion,

laŭ li, pruvitan kaj tiam komune akceptatan ĉe slavoj (krom poloj), ke la komunslava lingvo povas kaj devas esti la rusa. Sed por tio estas necese "purigi" la vortaron de la rusa lingvo de germanismoj kaj aliaj fremdlingvaj elementoj; al aliaj slavoj li rekomendas ne krei novajn terminojn por iliaj lingvoj, sed preni ilin el la rusa; fondi en Rusio "komunslavan filologian akademion" kun la tasko evoluigi komunan grafikan sistemon, purigi la lingvon, verki slavan historion, enciklopediojn kaj simile. Dobrjanskij proponis programon de enkonduko de la rusa lingvo unue en la sistemon de edukado kaj poste en aliaj areoj, depende de la politika situacio kaj la ĉeesto aŭ foresto de rilatoj kun Rusio kaj aliaj slavaj popoloj. Pypin parolas pri senperspektiveco de la Dobrjanskij-programo, ĉar tiu ne respektis la "aktualan staton de la tiutempa slava politika vivo kaj klerigo" (p. 319).

Kia ŝajnas esti por Pypin la perspektivo de la "tutslava" rusa lingvo? Tiu perspektivo estas por li asociita kun la eblo de lia "literatura unuiĝo de la slavaj triboj", bazita sur la rusa lingvo. Ankoraŭ en 1879, kritikante la "literaturan panslavismon" li starigis jenan demandon: *"Kiu el la slavaj dialektoj povus plej efektive servi por tia [literatura] unuigo – tiu demando devas esti solvita, laŭ nia opinio, favore al la rusa lingvo".* Kaj li plue pripensas: "Sed de deziro kaj eblo estas longa vojo al efektivigo". Kiuj argumentoj favore de tiu solvo tiam ekzistis? Laŭ Pypin, "*konatiĝo kun la rusa lingvo kaj ankaŭ ĝia ellerno ne enhavus grandajn problemojn por aliaj slavoj – tiuj problemoj estus ĉiukaze multe pli malgrandaj ol ĉe lernado de ajna fremda lingvo, germana, franca, angla*" (p. 340). Kaj plue:" *La rusa literaturo en la vico de nuntempaj slavaj [literaturoj]estas sendube la plej riĉa. Rusio estas ununura forta slava ŝtato, al kiu turniĝas esperoj de unu parto de triboj kaj malkonfidaj timoj de alia parto, al kio en ambaŭ kazoj aldoniĝas granda signifo por la slava estonteco – sufiĉa motivo por ne-slavoj konatiĝi pli profunde kun la granda kunrilata nacio, kaj aliflanke, se vere eblas komunslava etna kaj politika afero, ĝi devus havi sian komunan organon, kiu plej verŝajne povus iĝi la rusa lingvo. Sed nura ekstera grandeco de ŝtato kaj ties politika influo, nura supereco de Rusio super aliaj slavaj landoj ankoraŭ ne reprezentas tiujn internajn kondiĉojn, kiuj helpus al la rusa lingvo iĝi komunslava <...>. La ununura agadkampo restas triba parenceco kaj interesoj de edukado/klerigo"* (samloke). Budilovič tuj reagis al kritiko de Pypin, akuzante lin de okcidentismo - lia artikolo en la revuo "Славянское обозрение" (Slava superrigardo) nomiĝas: "Problemo de komunslava lingvo en okcidentisma kulturo" (1892). Resumante tiu akran polemikon, necesas noti la jenon: Pypin prave riproĉis al Budilovič subtakson de la politikaj kaj soci-kulturaj faktoroj en la problemaro de la tutslava lingvo .

Sur tiu ĉi kritika fono, opinioj kaj rekomendoj de Budilovič fakte havas pli romantikan kaj sekve idealisman karakteron. Sed ni ne okupiĝos pri tio, kion ĉion imagis al si tiu ĉi aŭtoro, kiujn malfacilaĵojn renkontus enkonduko de la komunslava lingvo inter aliaj slavaj lingvoj. Alie li ne finus la lastan ĉapitron de sia verko per jenaj vortoj: *"Simile al la programo de Štúr [pri la tutslava estonteco de la rusa lingvo] en la postmorta "Sendaĵo de la bordoj de Danubo" ankaŭ la programo de Adolf Ivanovič Dobr-*

*janskij, kiel sperto de longa kaj fama vivo, restas por ni sankta testamento, kies plenumo kaŝiĝas en la malhelo de estonteco"* (Budilovič 1892:357). Graveco de la monografio de Budilovič estas precipe en la fakto, ke li sukcesis kolekti valoran materialon pri la problemo de la slava lingva uneco – materialon dissemitan en malfacile alireblaj fontoj kaj aperintan tra jarcentoj en diversaj landoj. Dum pli ol jarcento, kiu pasis ekde la publikigo de tiu monografio, rigardo al la problemo de slava unueco en multnombraj verkoj spertis signifan ŝanĝon. Sed ĝis nun ni ne havas verkon, en kiu ĉi tiu granda ideo estus interpretita de la vidpunkto de la moderna slava interlingvistiko. Se la opinioj de Budilovič pri la praktika apliko de la ideo ne enhavis la tutan spektron de la necesaj faktoroj kaj estis plejparte utopiaj, tiam ni ne forgesu, ke nura starigo de la problemaro sur la (socio)lingvistikaj pozicioj ja funkciis kaj daŭre funkcias por subteni kaj eĉ fortigi la ideon de slava reciprokeco. Tion atestas la fakto, ke la eldono de libroj de Budilovič estis kun granda intereso (kvankam ne senkritike) bonvena en la slava mondo. Fragmentoj de ili estas ankaŭ tradukitaj al iuj aliaj slavaj lingvoj.

*7. Ideo de la interslava lingvo en la 20-a jarcento*

Tiamaniere, en la lastaj jardekoj de la 19-a jarcento, la ideo de slava reciprokeco kaj tutslava lingvo estis problemo aktive diskutata en intelektulaj rondoj de slavaj landoj. Ne hazarde, P. A. Kulakovskij en sia verko dediĉita al analizo de provoj solvi tiun problemon (1885) esprimiĝis: "*Ideo pri tutslava literatura lingvo ankoraŭ troviĝas en la stato de evoluo kaj kresko"* (Kulakovskij 1885:52). La unua triono de la 20-a jc. atestas daŭron de intereso pri la ideo de la slava reciprokeco kaj ĝia lingva aspekto (kvankam jam klare montriĝas, ke la politika situacio dividas la slavojn, apartigante ilin al unu ol al la alia ŝtata unuiĝo). Rusa lingvisto kaj interlingvisto P. E. Stojan priskribis la cirkonstancojn de tutslava ideo komence de la 20- jc.: "*La problemo de tutslava lingvo montriĝas nun la plej granda temo inter slavoj kaj la estonteco de slava unueco plene dependas de ties solvo*" (Stojan 1914:3). En tiu kunteksto notindas, ke, en 1904, proponante temojn por la unua internacia kongreso de slavaj filologoj kaj historiistoj, Jan Baudouin de Courtenay inter la 16 asignitaj dediĉis unu al slava interlingvistiko: "Pri la slava 'reciproka' (internacia) lingvo de Matija Majar kaj Oroslav Caf" (Baudouin de Courtenay 1904:14). Tiu fakto ankaŭ montras, ke la ideo de tutslava/interslava lingvo daŭre okupas la mensojn en la scienca komunumo.

Komence de la 20-a jc., la problemon aktivigis la internacia gazeto "Slava jarcento", aperinta en Vieno, en kiu, parenteze, oni sugestis uzi anstataŭ lingvonimo "tutslava lingvo" terminon "interslava lingvo". En la diskutoj oni malakceptis la ideon de artefarita interslava lingvo. Aŭtoroj inklinis al la penso, ke la lingvorimedon unuigantan la slavojn oni devus serĉi inter la slavaj lingvoj. Plejparto de ili proponis por tiu rolo la rusan lingvon (vidu la titolojn de artikoloj en la revuo, de tipo "La rusa lingvo - slava cemento" kaj simile), kaj nur surbaze de la kirila alfabeto (artikoloj kiel "Kirila alfabeto kiel tutslava skribo" kaj aliaj). Estas rimarkinde, ke ankaŭ Baudouin de Courtenay skribis en tiu gazeto pri la sorto de la rusa lingvo. "*Historio montras al la rusa lingvo rolon multe*

*pli gravan, ol estas la rolo de spirita ligilo inter la slavoj. Laŭ naturo de la aferoj, sub politikaj kaj geografiaj kondiĉoj, kaj plue laŭ sia forta disvastiĝo, tiu ĉi lingvo devas evolui en proksima estonteco ĝis la grado de tutmondeco kaj iĝi ligilo kuniganta Azion kun Eŭropo en kultur-literaturaj rilatoj*" (Baudouin de Courtenay 1901:4-5). Tiel do, Jan Baudouin de Courtenay kiel unu el la unuaj sciencistoj montris la estontan funkcion de la rusa lingvo – unuflanke kiel tutmonda lingvo kaj duaflanke kiel transkontinenta komunikada ponto inter Eŭropo kaj Azio. Tiu ĉi sociolingvistika aspeko de la rusa lingvo ne estis ĝis nun sufiĉe ellaborita, nek de nuntempa sociolingvistiko, nek de la slava interlingvistiko.

Menciindas, ke komence de la 20-a jc. ĝis la tridekaj jaroj la ideo de la slava reciprokeco en diversaj landoj estis apogata per la apero de specialaj esploroj kaj interkonsiliĝoj pri tiu temo, kaj per publikigo de periodaĵoj kun tutslava orientiĝo, kiel ekz. en Krakovo revuo "Slava mondo" (Świat słowiański) , en Zagrebo "Slava penso" (Sveslavenska Misao / Свеславенска мисао). Kaj en 1930 en Zagrebo eĉ aperis sub la elokventa titolo "Tutslava almanako". Ĉesis nek la laboro en kreado de artefaritaj lingvoprojektoj inter la slavoj. Tiel, ĉeĥoj kaj slovakoj kreis plurajn novajn lingvojn por komunikado inter la slavoj; jen la novslava lingvo de J. Hošek (Neuslawisch, 1907), Slavina de J. Konečný (Slavina, 1912), slava lingvo/Slovanština de E. Kolkop (Slovanština, 1912-1913), slava lingvo de B. Holý (Slavski jezik, 1920). Nek forvelkis lingvokonstruado inter la sudslavoj. En 1912, la ljubljana revuo "Scio" (Znanje) disdonadis inter siaj legantoj "demandaron pri lingva konverĝo de jugoslavoj" - siaspecan provon revivigi la ideon el la mezo de la 19-a jarcento, nome krei komunan sudslavan "iliran" lingvon. En 1940, en Serbio Ĉ. Djurdjević eldonis lingvoprojekton "Sveslav" (tutslava lingvo), kiu tamen ne trovis subtenon en la scienca komunumo (vidu Duličenko, 1990). La prognozoj pri perspektivoj de la rusa lingvo, faritaj en la 19-a jarcento, kiel tiuj de A. Budilovič kaj N. A. Pypin estis nur parte plenumitaj en la dudeka jarcento.

Decida rolo de Sovetunio komence de la Dua Mondmilito kaj formado de la komunumo de socialismaj landoj, kiu inkludis ĉiujn slavajn landojn, estis gravaj faktoroj por la internacia disvastiĝo de la rusa lingvo en la dua duono de la dudeka jarcento, inkludante ankaŭ ne-slavajn landojn de socialisma orientiĝo. En ĉiuj ĉi tiuj landoj la rusa lingvo iĝis deviga objekto en lernejoj kaj en mezlernejoj, ĝi estis vaste uzata en interŝtataj rilatoj, kulturo kaj scienco. Certagrade komencis realiĝi la antaŭdiro de Jan Baudouin de Courtenay el la frua dudeka jarcento: la rusa lingvo iĝis unu el la laborlingvoj de la UN kaj tial akiris la oficialan statuson de la internacia (tutmonda) lingvo, kaj samtempe ĝi eniris la t. n. " klubon de la mondaj lingvoj".

En tiu tempo, la ideo de racia konstruo de interslava lingvo estis preskaŭ estingita. Ni povas prezenti nur unu sufiĉe bone ellaboritan manuskriptan skizon de interslava lingvo, kiu estis kreita en la mezo de dudeka jarcento en Ĉeĥoslovakio, sub gvido de Ladislav Podmele kaj liaj kolegoj (Mežduslavjanski jezik, 1954-1958), surbaze de gramatika kaj leksika materialo de la plimulto de slavaj lingvoj. La kreintoj klopodis reflekti la plej komunajn trajtojn de la slavaj lingvoj, uzitajn en internaciaj komunaj leksi-

kaj kaj morfemaj elementoj, ili artefarite kreis vortojn, aplikante komunslavajn vort-kreajn rimedojn kaj modelojn. Jen specimeno de mallonga teksto de la korespondado de la aŭtoro de ĉi tiu artikolo kun profesoro Ladislav Podmele:

| Mežduslavjanski jezik | traduko |
|---|---|
| *Dragi drug, blagodarim Vas za Vaše interesne pismo iz 3.II.1974. Vi krasivo ocenili moju rabotu v oblasti mežduslavjanskega jezika <...>. Izučit mnogi slavjanski jeziki veliko trudno delo, no izučit mežduslavjanski jezik, ktori je ne toliko prirodni, naturalni, no tože pravilni, znači že možno jego prakticki i aktivno bistro izučit. Eto interesuje ljudi, ktori bi mogli bistro srazumivat se s Slavjanami <…>.* | Kara amiko, mi dankas vin pro via interesa letero el la 3-a de februaro 1974. Vi bele aprezis mian laboron en la kampo de interslava lingvo <…>. Ellerni multajn slavajn lingvojn estas granda pena laboro, sed ellerni interslavan lingvon, kiu estas ne nur natura, natureca, sed ankaŭ prava, signifas, ke oni povas ĝin praktike kaj aktive rapide ellerni. Tio interesas homojn, kiuj povus rapide interkompreniĝi kun slavoj <…>. |

En la lastaj jardekoj de la dudeka jarcento, lige kun la disvolviĝo de interreto, projektoj de interslavaj lingvoj aperas pli ofte. Germana slavisto T. Berger (Berger 2004:19-28) analizis la lastajn projektojn, inkluzive *Glagolica, Proslava, Ruslavsk, Slavisk, Slovio,* ktp.. Koncerne de ilia enkonduko en la praktikan vivon ekzistas preskaŭ neniu ŝanco. Similaj eksperimentoj apartenas al la sfero de socia utopio. Ne malpli ili ŝajnas reflekti sopiron pri la perdita lingva unueco de la slavoj. Eĉ en la tempoj post la disfalo de la praslava lingvo, la sendependa disvolviĝo de slavaj lingvoj ne kreis inter ili nekompreneblecon. Ankoraŭ en la jaro 1900, akademiano V. Jagić skribis en la revuo "Slava jarcento", ke nek germanoj, nek Romanoj, nek finn-ugroj komprenas unu la alian tiom kiom slavoj, kaj konkludis: "Ĝi estas nia privilegio tutmonde." Oni povus pensi, ke ĉi tiu "privilegio" instigas al la serĉo de ĉiam nova kaj nova lingvaĵo, kaj tio signifas spiritan proksimiĝon de la slavoj. Sed la socia utopieco de tia agado ne devas kaŝi la teorian signifon de la slavaj lingvoprojektoj, kiuj povas esti konsiderataj kiel speco de lingvaj modeloj, en kiuj reflektiĝas centro kaj periferio de la strukturo de modernaj slavaj lingvoj.

“Perestrojko" en la 90-aj jaroj de la 20-a jarcento en Sovetunio kaj poste en la slavaj landoj kondukis al ilia disfalo: el Sovetunio [= Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj] eliris Belorusio, Rusio kaj Ukrainio, Ĉeĥoslovakio estis dividita en Ĉeĥion kaj Slovakion, kaj sur la loko de Jugoslavio aperis Serbio, Montenegro, Kroatio, Slovenio, Makedonio, Bosnio kaj Hercegovino (kun la "Republika Srpska"). La disigo estis tragika, speciale por Jugoslavio, kiu ŝanĝiĝis de floranta lando por multaj jaroj en la lokon de sangaj bataloj inter la frataj slavaj nacioj. La kolapso de Sovetunio kondukis al malfortigo de la antaŭe konkeritaj pozicioj de la rusa lingvo kiel lingvo de interslava kaj internacia (tutmonda) komunikado. Kontraŭe al la opinio de A. S. Budilovič, la sudaj kaj okcidentaj slavoj, tiel kiel en la 19-a jarcento, preferas studi okcidentajn lingvojn, ne nur la germanan aŭ la francan, sed pli la anglan. Tio estas bizara maniero de la komuna lingvo de la "nova Eŭropo".

Tamen, la fremdiĝo inter la slavaj popoloj (pli precize: inter iliaj regantaj elitoj) kaŭzita per la supre menciitaj eventoj, ankoraŭ ne enterigis la ideon de slava reciprokeco. Ekzistas ĝiaj esprimoj en la moderna vivo de la slavaj ŝtatoj, pri kio atestas, ekzemple, festivaloj de slava literaturo kaj kulturo en honoro de la unuaj slavaj misiistoj Cirilo kaj Metodo, regule okazantaj en Bulgario kaj ekde 1986 ankaŭ en Rusio. En 1995 estis fondita la internacia unio "Tutslava konsilio", kiu starigis la taskon de unuiĝo de komunaj organizaĵoj de slavaj landoj sur libervola bazo , ĝi pledas por la fortigo de kulturaj, politikaj kaj ekonomiaj rilatoj inter la slavaj ŝtatoj kaj popoloj, por intereso pri konservado kaj evoluigo de la slava civilizo kiel integra parto de la eŭropa kaj la monda komunumo. Ekde la 90-aj jaroj okazas "tutslavaj kongresoj", kiuj determinas la evoluon de internacia slava movado. Komence de la dudekunua jarcento, en slavaj landoj laŭgrade reviviĝas intereso pri la rusa lingvo kiel internacia komunikilo. Daŭras la aktiveco de la "Internacia komitato de slavistoj," fondita en la dudeka jarcento, kuniganta sciencistojn, ne nur slavajn, sed ankaŭ tiujn de ne-slavaj landoj, por prilabori la problemojn de slavaj historio, lingvoj, kulturoj, literaturoj, kaj tiel plu, inkluzive de problemoj de slava reciprokeco en ĝia historia, kultura kaj lingva esprimoj (Duličenko 2003: 282-285).

*Literaturo*

*Бодуэнъ де-Куртенэ о будущей роли русскаго языка*, [w:] *Славянскій векъ*, Вена, 1901, № 17, 3–5.

**Бодуэнъ де-Куртенэ И. А**., 1904, [w:] *Первый съездъ славянскихъ филологовъ и историковъ*, Санктъ-Петербургъ, 13–14.

**Брикнеръ А.**, 1887, *Юрій Крижаничъ. Глава 2-ая*, [w:] Русскій вестникъ, Москва, т. 190, 9–51.

**Будиловичъ А**., 1877, *О литературномъ единстве народовъ Славянскаго племени*, [w:] *Славянскій сборникъ*. Т.II . Санктъ-Петербургъ, 1–15.

**Будиловичъ А**., 1892,*Общеславянскій языкъ въ ряду другихъ общихъ языковъ древней и новой Европы. Т. II. Зарожденіе языка на славянскомъ Востоке*. Варшава; krome: H. Keipert. A. S. *Budilovičs «Общеславянский язык» (1892),* [w:] *Ars philologca. Festschrift für Baldur Panzer zum 65. Geburtstag. Hg. K. Grünberg und W. Potthoff.* Frankfurt am Main etc., 1999, 69–80.

**Гильфердингъ А**., 1871, *Общеславянская азбука съ приложеніемъ образцовъ славянскихъ нарŠчій*, Санктъ-Петербургъ.

**Дуличенко А. Д.**, 1990, *Международные вспомогательные языки*. Таллинн, 1990.

**Дуличенко А. Д.**, 1995, *Международные искусственные языки: объект лингвистики и интерлингвистики,* [w:] *Вопросы языкознания*, Москва, № 5, 39–55.

**Дуличенко А. Д**., 2003, *Всеславянский язык и идея славянской взаимности в истории славян.* [*Программа курса*], [w:] *Славянские языки: от прошлого к настоящему.* (Slavica Tartuensia VI). Тарту, 282–285.

**Дуличенко А. Д**., 2007, *История интерлингвистики*. Москва.

**Крижанич Ю**.,1965, *Политика*, Москва.

**Крижаничъ Ю**., 1891, *Обоасньеное виводно о писме Словенскомъ*, [w:] *Чтенія въ Императорскомъ Обществе исторіи и древностей россійскихъ при Московскомъ университете*, Москва, книга 1-я, 17–72.

**Крижанищъ J**., 1848, *Граматично изказанје об руском језику*, [w:] *Чтенія въ Императорскомъ Обществе исторіи и древностей россійскихъ при Московскомъ университете*, год 4-й, Москва, книжка 1-я.

**Кузнецов С. Н**., 1987, *Теоретические основы интерлингвистики*. Москва.

**Кулаковскій П.**, 1885, *Очеркъ историческихъ попытокъ решенія вопроса объ единомъ литературномъ языке у славянъ*, [w:] *Мефодіевскій юбилейный сборникъ*. Варшава, 1885; оттиск: (2) + 56 с. + (1) с.

**Ламанскій В**., 1864, *Сербія и южно-славянскія провинціи Австріи*, Санктъ-Петербургъ.

**Маркевичъ А**.,1876, *Юрій Крижаничъ и его литературная деятельность. Историко-литературный очеркъ*, Варшава.

**Первольфъ И**., 1888, *Славяне. Ихъ взаимныя отношенія и связи. Т. II. Славянская идея въ литературе до XVIII века*. Варшава.

**Пушкарев Л. Н**., 1984, *Юрий Крижанич. Очерк жизни и творчества*. Москва.

**Пыпинъ А**., 1892, *Теорія общеславянскаго языка*, [w:] *Вестникъ Европы*, Петербургъ, кн. 4, 762–804; кн. 5, 302–341.

**Стояновичъ Л**., 1901, *Общеславянскій языкъ*, [w:] *Славянскій векъ*, Вена, № 5, 2–12.

**Стоянъ П**., 1914, *Славянство и эсперанто*. Саратовъ.

**Толстой Н. И**. *К вопросу о древнеславянском литературном языке как общем литературном языке южных и восточных славян*, [w:] *Вопросы языкознания*, Москва, 1961, № 1, 52–66.

**Чуркина И. В**., 1993, *Проблемы создания общеславянского языка в конце XVIII–XIX вв. Национально-политический аспект,* [w:] *История, культура, этнография и фольклор славянских народов. XI Международный съезд славистов. Братислава, сентябрь 1993 г. Доклады российской делегации*. Москва, 180–195.

**Шкеровић Н. П**.,1936, *Ђуро Крижанић. Његов живот, рад и идеје. (Српска Краљевска академијаю Посебна издања. Књ. CIX. Философски и филолошки списи. Књ. 28*), Београд.

**Штур Л**., 1867, *Славянство и миръ будущаго*, Москва.

**Bělič J**., 1974, *Jungmannovy představy o možnosti jazykového sjednocení Slovanů*, [w:] *Acta Universitatis Carolinae, Philologica 3–4, Slavica Pragensia XVII*, 115–132.

**Berger T**., 2004, *Vom Erfinden slavischer Sprachen*, [w:] *Germano-Slavistische Beiträge. Festschrift für P. Rehder zum 65. Geburtstag*, München, 2004. S. 19–28.

**Daničić Gj**. 1871, *Gramatika Gjurgja Križanića. (Rad JAZU. Knj. XVI)*, Zagreb, 159–198.

**Duličenko A. D**., 1989, *Sveslovenski jezik Juraja Križanića u kontekstu slovenske interlingvistike*, [w:] *Јужнословенски филолог*, Београд, 1989, т. XLV, 71–90.

**Duličenko A. D**., 1992, *Фран Миклошич и Матия Маяр Зильский: от языка праславянского к языку всеславянскому*, [w:] *Miklošičev zbornik. (Obdobja 13)*. Ljubljana, 431–444.

**Duličenko A. D**., 2007, *Slovanska in slovenska interlingvistikater problematika lingvokonstruiranja vzgodovini slovenskega knjižnega jezika*, [w:] *Razvoj slovenskega strokovnega jezika. (Obdobja 24)*, Ljubljana, 13–27.

**Herkel I**., 1826, *Elementa universalis linguae Slavicae*, Budae.

**Jagić V.**, 1917, *Život i rad Jurja Križanića. O tristogodišnjici njegova rođenja (Djela JAZU. Kń. XXVIII*), U Zagrebu.

**Kollár J**., 1839, *Sláwa bohyně a původ gména Slawanůw čili Slawjanůw*. W Pešti.

**Kollár J**., 1852, *Sláwy dcera*. We Wídni.

**Kollár J.** 1929, *Rozpravy o slovanské vzájemnosti. Usp. M. Weingart*. V Praze.

**Kurz J**., 1958, *Církevněslovanský jazyk jako mezinárodní kulturní (literární) jazyk Slovanstva*, [w:] *Československé přednášky pro IV. Mezinárodní sjezd slavistů v Moskvě*, Praha, 13–35.

**Lewaszkiewicz T.**, 1980, *Panslawistyczne osobliwości leksykalne S. B. Lindego i jego projekt stworzenia wspólnego języka słowiańskiego.* Wrocław etc.
*L'idea dell'unità e della reciprocità slava e il suo ruolo nello sviluppo della slavistica. / Идея славянской взаимности и ее роль в развитии истории славистики. Red. S. Bonazza, G. Brogi Bercoff*, Roma, 1994.
**Majar M.**, 1863–1865, *Узајемнi правопiс славјанскi, то je uzajemna slovnica ali mluvnica slavjanska.* V zlatnom Pragu.
*Slovanská vzájemnost. 1836–1936. Sborník prací k 100. výročí rozpravy Jana Kollára o slovanské vzájemnosti. Usp. J. Horák*. Praha, 1938.
**Weingart M.,** 1926, *Slovanská vzájemnost. Úvahy o jejích základech a osudech*. Bratislava.

*Ricevita 2016-03-13*

*Tradukita kaj reduktita en la redakcio de grkg/Humankybernetik*

*Adreso de la aŭtoro: aleksd@list.ru*

*Begründung der slawischen Interlinguistik : die Idee der slawischen Wechselseitigkeit und gemeinslawische Sprache in der Geschichte der Slawen (Knapptext)*
Slawische Interlinguistik wird als selbständige linguistische Disziplin mit langer Tradition und historischer Begründung vorgestellt. Die gemeinsame kulturelle, religiöse und sprachliche Tradition der Slawen (dt. Fachausdruck: „slawische Wechselseitigkeit“) inspirierte während Jahrhunderten mehrere Autoren, eine gemeinsame Sprache zu kreieren. Als historischer Vorläufer galt das im 9. Jh. entstandene Altkirchenslawisch. In der Zeit des Humanismus beginnend, entwickelte sich besonders im 19. Jh. eine Bewegung für slawische nationale Wiederbelebung, die entweder mit künstlich geschaffener gemeinsamer Sprache, oder mit Offizialisierung einer schon existierenden Nationalsprache (meistens Russisch) als gemeinsame Zwischensprache gerechnet hat. Es werden die Ideen und Sprachvorschläge von einigen Gelehrten besprochen (u. a.: Jurij Križanić, Matija Majar, Ján Kollár, L'udovít Štúr, Ljubomir Stojanović, V. N. Lamanskij, A. Budilovič, A. N. Pypin, Baudouin de Courtenay), als auch die neuesten, im Internet verbreiteten Projekte erwähnt, die der modernen slawischen Interlinguistik viel Material liefern.

grkg / Humankybernetik
Band 57 · Heft 2 (2016)
Akademia Libroservo / IfK



Jan VAN STEENBERGEN

estas nederlanda lingvisto, ĵurnalisto, tradukisto kaj interpretisto. Li studis en universitatoj en Amsterdamo kaj Varsovio, specialiĝis pri orienteŭropaj studoj kaj muzikologio. Li okupiĝis pri hipoteza lingvistika konstruo de nordslavaj lingvoj *Vuozgašchai* (Vozgian) kaj *Wenedyk* kaj estas ĉefa iniciinto de la tutslava lingvo *Slovianski,* kiu iĝis parto de interreta projekto *Medžuslovjanski* (Interslavic) kun centoj da membroj. Van Steenbergen ricevis en 2013 medalon "Josef Dobrovský" pro siaj kontribuoj al la slavaj kulturo kaj scienco. Li nun gvidas laborojn sur kreado de elektronika tutslava vortaro kaj administras retpaĝon pri slavaj planlingvoj http://steen.free.fr/interslavic/index.html

**Constructed Slavic languages in the 21th century**

by Jan VAN STEENBERGEN, IJmuiden (NL)

*1. Constructed languages and the Internet*

Playing with language is probably as old as language itself. Just like there are people who write poems or build model trains, there are also people who create languages – out of sheer passion, as an intellectual exercise, or just as a hobby. In the past, it was usually done silently and privately, as this strange craft was neither well-known nor broadly accepted. Reaching a larger audience was something the average language creator could only dream about. The only way to accomplish it was publication in a book or magazine, which, in general, was possible only if the language were justified by the higher purpose of international communication. As a result, virtually all known languages created after 1800 were international auxiliary languages. We can, however, safely assume that these languages are only the tip of a gigantic iceberg. Who knows how many others have created languages without ever sharing them with the rest of the world? The birth of the Internet marked the beginning of a world in which language creators were no longer dependent on paper, organizations, publishing houses and editorial boards. Everyone now had the chance to share their creations, knowledge and opinions with anyone who cared to read them.

Not surprisingly, the number of constructed languages increased exponentially. Forgotten languages were rediscovered and hundreds of new languages appeared, most of them created for fictional worlds, as linguistic experiments or for aesthetic pleasure. In a relatively short time span language construction gained recognition as an art form in its own right. Constructed languages gained a place in popular culture, becoming standard ingredients in fantasy/sci-fi productions like *Lord of the Rings*, *Avatar*, *Game of Thrones*, *Penny Dreadful* and even the Indian film *Baahubali*. In 2005 the *Language Creation Society* was founded, offering various facilities to members and acting as an intermediary between them and their potential employers.

International auxiliary languages were affected, too. The new possibilities for interaction resulted in countless newsgroups, mailing lists and other Internet communities that enabled creators, users and learners to easily find each other and keep their projects alive without the help of organizations and printed matter. A relatively new phenomenon was also the emergence of collaborative projects, languages created by a group instead of one author.

This article will deal with the question how these developments have left their mark on one particular corner of the world of constructed languages, namely those based on Slavic.

*2. Fictional Slavic languages*

Before the digital age, fictional Slavic languages were unknown, but given the diversity and number of new constructed languages seeing the light, this was bound to change. And indeed, over a hundred new language projects have been presented, varying from full-fledged languages to mere sketches.

Particularly noteworthy among them are languages inspired by the absence of a separate North Slavic branch. The oldest of these was *Sevorian/Sievrøsku* (1992), the language of a fictional island in the Baltic Sea. Three other languages can be found in the alternate history project *Ill Bethisad*: *Vozgian/Vŭozgaščhai* (1996), *Nassian/Našica/Nasika* (2001) and *Skuodian* (2002). Worth mentioning are also five languages by Libor Sztemon: *Slavëni, Seversk, Slavisk, Lydnevi* and *Mrezian* (2000-2001). A North Slavic language of slightly later date is *Novegradian* (2006) by Martin Posthumus, an impressive and elaborate language set a highly detailed fictional context. At last, among dozens of Slavic languages created by members of the Polish Forum of Language Creators (*Polskie Forum Językotwórców*), several North Slavic languages can be found as well, carrying names like *Gárðnenskú jøsyk*, *Onegskoi ezeik*, *Rodsku jezuk*, *Jazyč süovškij* and *Svenska mova*. All these North Slavic languages are vastly different, but what most of them have in common is that they assume Scandinavian, Uralic and/or North Russian influence.

Another remarkable project is *Siberian* (*Сибирской говор*) by Yaroslav Zolotaryov, a Russian blogger from Tomsk. It was presented in 2005 as a new East Slavic language based on (partially extinct) dialects from Siberia and Northern Russia. In the years 2006-2007 it even had its own Wikipedia project with the prefix *ru-sib*, causing immense controversy within the Wikipedia community, until it was finally deleted in

November 2007. Zolotaryov later admitted that the whole project had been a hoax[1]. Still, its development was continued and currently the dictionary has over 38,000 words.[2]

*3. Auxiliary Slavic languages*

Since the fall of communism in Eastern Europe and the dissolution of the Soviet Union, Czechoslovakia and Yugoslavia, the belief in a Pan-Slavic or multi-Slavic super state has been a marginal phenomenon at best, but the immense possibilities for international communication offered by the Internet spawned a renewed interest in a language understandable to all Slavs nonetheless. The concept was all but new at the time – Meyer identifies 11 Pan-Slavic languages published before the 1990s,[3] as well as several unpublished projects – but in the early days of the Internet these languages were largely forgotten. The topic at the intersection between Slavistics and interlinguistics had been ignored entirely by the former or merely discussed in the context of the genesis of national languages in future Yugoslavia. In the case of interlinguistics the situation was only marginally better: Pan-Slavic language projects clearly fell outside its main scope of interest (languages for global use), and if the literature mentioned them at all, it was mostly as a curiosum. Which is perhaps not that surprising after all: although some of these projects were highly elaborate and used in various publications, they were isolated efforts by individual people, and none of them ever had a considerable following. It is mostly thanks to the outstanding work of prof. Duličenko that we have been allowed to learn about them at all.

During the first fifteen years of the 21th century, the number of Pan-Slavic language projects has more than doubled. All in all, I have been able to identify ca. 40 new projects,[4] although it should be said that most of them are mere sketches, consisting of a very incomplete grammar description and perhaps a few sentences. This can also be said about the first project I have found, *Meždunarodski jazik* by the Dutchman Hans Kamp, published in or before 1999. In the years 2001 and 2002, however, four projects of more substance appeared on the Internet.

*3.1. The years 2001-2005: Slovo, Slovio, Proslava and Glagolica*

The first of these projects was called *Slovo* (also referred to as *Slověnskyj język* or *Slověnščina*). It was the collaborative work of three authors: Štefan Vítězslav Pilát, Piotr Mazur and Georgi Ognesláv Michov. The language was based on reconstructed Proto-Slavic and reminiscent of projects from the 19th century. It had seven noun cases, distinction between hard and soft declensions, a dual number and an alphabet that included letters like **ě**, **ę**, **ǫ** and **ă** (in Cyrillic: **ѣ**, **ѧ**, **ѫ**, **ъ**) and four soft consonants (**l’**, **ń**, **t’**, **d’**). Its website contained much information about etymology and a thoughtful but incomplete grammar with noun, pronoun and adjective paradigms, but lacked a description of

1 http://meta.wikimedia.org/wiki/Talk:Proposals_for_closing_projects/Closure_of_Siberian_Wikipedia# Zolotaryov_ reveals_the_truth
2 http://volgota.com/
3 Meyer (2014), p. 158.
4 A full list can be found on http://steen.free.fr/interslavic/constructed_slavic_languages.html.

